*Senkultura homo estas sklava besto (Cicero)* ISSN 0299-6987

# LA GAZETO

## ENHAVO

**LA JOGAISTO KAJ LA KOMISAROJ**
Eugene DE ZILAH ....................................3
**EL VIAJ LETEROJ...**
KURISU Kei, Vladimir LEBEDEV
Angelos TSIRIMOKOS
Hermann BEHRMANN ............................ 8
**DE IDEALO AL REALO**
KURISU Kei ............................................ 11
**KRUCVORTENIGMO 'KVE-87'** ......... 7
**VIVO DE GALILEI**
de Bertolt BRECHT, sceno 1
elgermanigis Adriaan DEN HAAN ......16
**PROPRAJ NOMOJ...**
Jean DOUBLET.......................................24
**APLOMBI SENPRUVE**
Fernando DE DIEGO ..............................25
**LA SEKSO DE KOMPUTERO**
JOHAN' LUKO .......................................... 26
**ĈU VI JAM SCIAS...?** ......................... 26
**NOPALOJ KAJ AGAVOJ**
Meva MARON.......................................... 27
**ŜAKPROBLEMO 'ŜPB-87'**.................... 28
**PAROLIGI LA LERNANTON**
*Konversacia libro*
de Detlev BLANKE/Till DAHLENBURG
recenzas Michael J. SCHERM .............. 29
**LINGVAJ RESPOND(EC)OJ**
*Lingvaj Respondoj*
de Sergio POKROVSKIJ
recenzas Claus J. GÜNKEL .................. 30



'GALILEI' de BRECHT en ESPERANTO
LINGVA ITINERO de KURISU KEI
ESPERANTIGO de FREMDAJ VORTOJ

numero 87 3a de la 15a jaro 15mar00

# PRI LA GAZETO




Karaj legantoj,

La nova jaro komencas malbone por nia revuo. *LG86* difektiĝis plurloke kaj erara bildo enŝoviĝis sur p23. Jen apude la ĝusta foto kiu devus aperi. *LG87* ne povis glate pretiĝi pro diversaj hazardaj paneoj de la aparataro necesa.

Ni tamen aŭdacas esperi ke la enhavo de tiu ĉi numero helpos vin forgesi niajn neglekton kaj malfruon. Estis vera plezuro rilati kun novaj kunlaborantoj Adriaan den HAAN kaj KURISU Kei. Dankon ankaŭ al Ulrich LINS pro la frontpaĝa foto, farita la 5an de februaro en kafejo de Tokio.

*Madeleine de Zilah*

PRI STILO KAJ ENHAVO
DE SUBSKRIBITAJ ARTIKOLOJ
LA GAZETO NE RESPONDECAS

•**E**ldonanto kaj redakta rondo: Esperanto-Klubo de Metz •**R**edaktejo:
*La Gazeto FR-55210 CREUË*

•**R**edaktoro: Eugène de ZILAH •**K**unredaktistoj: K JAKOBO, Madeleine de ZILAH •**Ret**kunlaboranto: Bruno MASALA
*lagazeto@osiek.org*

•**P**retigis ĉi tiun numeron: Danièle CLAVEAU, Frédéric kaj Mégumi SACHS-Komamura, Peter WASSERMANN, Françoise kaj Serge ZIEGLER, Edgar kaj Paola de ZILAH •**A**bonprezo: 25 eŭroj por 6 numeroj, aere 29 eŭr. Vi povas komenci la abonon kiam ajn. Se vi ne povas poŝte ĝiri aŭ sendi poŝtmandaton bv skribi al la redaktejo; ni klarigos kiel aboni el via lando. LG ne aperas en julaŭgsep •**A**noncoj: 1/4 da paĝo, 28 eŭr. •**R**ecenzoj: bv sendi 2 ekzemplerojn de la recenzenda libro al la redaktejo.

•TTT-adreso: http://osiek.org/lagazeto

LA VENONTA NUMERO APEROS JE
**30apr2000**

Por aboni, sendu **25 eŭrojn** (164 francajn frankojn) al **LA GAZETO, FR-55210 CREUË, Francio**
poŝtkonto : **1025 02 T NANCY**
**ekster Eŭropo**: bonvolu aldoni 3 eŭrojn (US, CA), **4 eŭrojn** (aliaj), dankon

## ABONPREZOJ KAJ PERANTARO

**Aŭstrio**: 350 ŝilingoj. d-ro Klaus PERKO, Lendkai 111, 8020 Graz - Poŝtkonto: Graz 1257 845. **Aŭstralio**: 60 $ AŬSTRALIA ESPERANTO-LIGO, PO Box 230, Matraville, NSW 2036. **Belgio, Luksemburgio**: 1050 frankoj. FLANDRA ESPERANTO-LIGO, Frankrijklei 140, 2000 Antwerpen - Ĝirkonto: 000-0265338-43 Vlaamse Esperantobond. **Brazilo**: 31 US$. BRAZILA ESPERANTO-LIGO, CP 3644, Brasilia/DF 70084. **Britio**: 17,5 pundoj. Olga KERZIOUK, 61 Point Royal, Bracknell RG12 7HL. **Ĉeĥio:** 550 kronoj. Vladislav HASALA, A. Dvoráka 1, Strážnice 696 62. **Ĉinio**: 18 internaciaj respondkuponoj senditaj al La Gazeto. **Danio**: 200 kronoj. Pierre GABORIT, Brombaervaenget 15, 2650 Hvidovre - Poŝtkonto: 612 87 50. **Finnlando**: 153 markoj. **Francio**: 164 frankoj. LA GAZETO, 55210 Creuë - Poŝtkonto: 1025 02 T Nancy. **Germanio**: 56 markoj. ESPERANTO-CENTRO, Rheinstrasse 9, 12159 Berlin - Poŝtkonto: Hannover 259658-301. **Grekio**: 8000 draĥmoj. Polyxeni ZARKADA, Placo Pavlou Kountouriotou 7/8, 11741 Athina. **Hispanio**: 4500 pesetoj. Luis SERRANO PEREZ, Font Nova 32, 08202 Sabadell. **Hungario**: 3200 forintoj. Pál KOZSUCH, Csabai u 11, 5553 Kondoros. **Italio**: 50000 liroj. Enrico MINGO, via Simone Martini 22, Isolato 19, 80128 Napoli - Poŝtkonto: 10125805. **Japanio**: 3300 enoj. Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, 162. **Kanado**: 42 $. David MOORE, PK 653, Sicamous/BC, V0E 2V0. **Latinameriko**: 34 internaciaj respondkuponoj senditaj al La Gazeto. **Nederlando**: 56 gld. ESPERANTO, Sanderuslaan 20, 3732 ET De Bilt - Poŝtkonto: 7231449. **Pollando**: 65 zlotoj. Maciej WNUK, ul. Broniewskiego 77 m. 137, 01-865 Warszawa. **Portugalio**: 5000 pesetoj. **Slovakio**: 550 kronoj. ESPERANTO, Sobotské nam. 36, 05801 Poprad. **Svedio**: 245 kronoj. **Svislando**: 42 frankoj. Christoph SCHEIDEGGER, Im Schleedorn 6, 4224 Nenzlingen. **Rusio**: ekvivalento de 12 US $. Halina GORECKA, pk 67, 620 077 Jekaterinburg-77. **Usono**: 31 $. ELNA, pk 1129, El Cerrito/CA 94530. **UEA**: 27 eŭroj = 59 gld. konto: edzi-k (ekster Eŭropo aldoni: 4 eŭroj = 9 gld).

Directeur de la publication: Madeleine de Zilah
Presita ĉe: Imprimerie Séris, rue de l'Etang, 57160 Sçy-Chazelles. Dépôt légal: L1-1979/85

# LA JOGAISTO KAJ LA KOMISAROJ

KOESTLER, kiu mem estis komisaro antaŭ sia metamorfozo en liberalan verkiston, difinis la jogaon kiel teknikon "palpebrumi per..." – pardonu la vorton, sed mi devas fidele citi, do: – "... per la piĉo por identiĝi kun la Absoluto". Ankaŭ la aŭtoroj de nia *PIV*, ne malpli simpatiintaj kun la komisaroj de "la kantantaj morgaŭoj", kvankam malpli vulgare, ne maltrafis ian ajn okazon por ridindigi la orientajn doktrinojn, jen per aldono de likvidaj ekzemploj, jen per prokusta traktado de sanskritaj, paliaj, japanaj terminoj. Mi jam parolis pri tio. Tiuj kiuj min legis certe memoras pri la *PIV*-a ekzemplo trudita al la termino 'ahimsao', kripligita en "ahimso"-on: "la ahimso forte malhelpas la batalon kontraŭ la mikroboj". Idoj kaj admirantoj de la 379 ahimsaistoj buĉitaj en Jallianvalaĝardeno; idoj de la ĉirkaŭ duonmiliono da viktimoj de la repremo de la hindia ahimsaismo, amikoj de la nekalkulita nombro da viktimoj de la monda gandiismo, simpatiantoj kaj kunreligianoj de centmilionoj da ĝinaistoj, budhistoj kaj hinduistoj en kies fidoj la ahimsao gravas, kaj ĝenerale ĉiuj honestuloj esperantaj pritaksos la trafecon de ĉi peco da *PIV*-a humuro. La vulgaraĵo de Koestler ne gravas: neniam ĝi eniris la *Brita Enciklopedio*-on, nek la centojn da aliaj anglaj enciklopedioj; sed la esperantistoj havas ununuran enciklopedian vortaron, malpli grandan ol la plej malgranda etnolingva enciklopedia vortaro, kaj en ĝi troviĝas loko por tiaj fajnaj ŝercoj. Kaj alvenas esperantistaj simpluloj, kaj ili kultadas la *PIV*-on, kvazaŭ ĝi estus la *Universala Vortaro*, kaj ili emus ŝtonmortigi la herezulojn kiuj volus korekti kelkajn dekojn da misfaritaj vortoj. Nome de la Sankta Unueco! Kiomfoje do necesas memorigi ke tiu ĉi sankta unueco estas fondita sur la kvar partoj de la *Fundamento de Esperanto* kaj la honesteco de la esperantoj. Nur pro honesteco kaj respekto al la *Fundamento* min penigas la mismalica esperantigo de kelkaj sanskritdevenaj fremdvortoj. Eble mi eraras pri la intencoj de la *PIV*-aŭtoroj. Mi eĉ esperas ke mi eraras. Eble ili fuŝis nur pro malkompetento, ne pro malamo, la adaptojn de tiuj ĉi vortoj. Tiam en venonta eldono de *PIV* aperos korektitaj formoj. Mi preferas supozi tion ĉi.

Se temas pri eraroj kaj ne pri sistema sabotado, tiam valoras iom argumentadi. Kial do 'ahimsao' kaj ne "ahimso", 'jogao' kaj ne "jogo", 'Budhao' (aŭ 'Buddao') kaj ne "Budho", 'Brahmao' kaj ne "Bramo", 'raĝao' kaj ne "raĝo", 'raĝajogao' kaj ne "raĝjogo"? Ĝenerale, kial oni ne rajtas kripligi la a-finaĵajn sanskritdevenajn fremdvortojn?



La esperantigon de fremdvortoj difinas la 15a regulo de la *Fundamenta Gramatiko*:

> La tiel nomataj vortoj "fremdaj"[1], t.e. tiuj, kiujn la plimulto de la lingvoj prenis el unu[2] fonto, estas uzataj en la lingvo internacia[3] sen ŝanĝo, ricevante nur la ortografion[4] de tiu ĉi lingvo; sed ĉe diversaj vortoj de unu radiko estas pli bone uzi senŝanĝe nur la vorton bazan kaj la ceterajn formi el tiu ĉi lasta laŭ la reguloj de la lingvo internacia.[5] Ekz-e: "tragedi'o", sed "tragedi'a"[6]; teatr'o, sed teatr'a.[7]

Ni rimarku ke la ekzemploj "tragedio" kaj "teatro" estas prenitaj el la latina kiu mem prenis ilin el la greka[8]. La latina *theatrum* fariĝas esperanta 'teatro'. Forfalas, pro fonetika kialo, unu 'h' kaj la finaĵo *-um* de la neŭtralgenra nominativo singulara. En la esperanta ja ne

AV.

**Á-hiṇsā**, f. not injuring anything, harmlessness (one of the cardinal virtues of most Hindū sects, but particularly of the Buddhists and Jains; also personified as the wife of Dharma, VāmP.), ChUp.; Nir.; Mn. &c.; security, safeness, ŚBr.; AitBr. — **nirata**, mfn. devoted to harmlessness or gentleness, MBh. iii, 2248.

**Á-hiṇsāna**, mfn. not hurting, RV. v, 64, 3.

**A-hiṇsya**, mfn. not to be hurt, MBh. xii, 13088; Ragh. ii, 57.

**Á-hiṇsyamāna**, mfn. being unharmed, RV. i, 141, 5.

**A-hiṇsra**, mfn. innocuous, harmless, Kauś.; KātyŚr. &c.; (*am*), n. harmless behaviour, Mn. i, 29; (*ā*), f. the plant Momordica Cochinchinensis Spreng. (commonly called Kūrkavāli), L.; the plant Capparis Sepiaria, L.; Cactus Opuntia, Bhpr.

**अहिका** *ahikā*, f. the silk-cotton tree (Salmalia Malabarica), L.

**अहिण्डुका** *a-hiṇḍukā*, f. a kind of small venomous animal, Suśr.

**अहृणान** *á-hṛiṇāna*, mfn. not being angry, friendly, RV. vii, 86, 2; x, 116, 7.

**Á-hṛiṇīyamāna**, mfn. id., RV. v, 62, 6; x, 109, 2; AV.; (*am*), ind. willingly, TBr. iii.

**अहृत** *a-hṛita*, mfn. not captivated or carried away by (instr.), Ragh. viii, 68.

**अहृदय** *á-hṛidaya*, mfn. without a heart, ŚBr. xiv. — **jña**, mfn. not pleasing to the heart, ChUp.

**A-hṛidya**, mfn. not pleasing, not being to one's taste (as food), Suśr.

**अहे** *ahe*, ind. a particle (implying reproach, rejection, separation, L.), TS. iii (only in a sacrificial formula beginning with *áhe daidhishavya* and reoccurring in several other texts).

**अहेतु** *a-hetu*, *us*, m. absence of cause or reason, MBh. xii, 10511; not a real or sound argument, Nyāyad.; (in rhetoric) a certain figure of speech. — **tva**, n. (in Buddhist terminology) absence of cause or necessity, Sarvad. — **sama**, m. a particular sophism tending to prove an argument to be un-

*A Sanskrit-English Dictionary*
Sir Monier Monier Williams
Oxford, 1979
p125

ekzistas gramatikaj genroj kaj la finaĵo de la nominativo estas '-o'. Do, *theatrum* (aŭ se vi volas, la greka *théatron*) donas 'teatro'-on. La aŭtoroj de PIV volis ĝeneraligi ĉi tiun farmanieron al ĉiuj lingvoj, supozante ke "vorto fremda" signifas 'radiko fremda'-on. La aferon simpligis la fakto ke la plejmulto de la fremdvortoj elvenas el, aŭ venas tra, la fontolingvoj de la esperanta. Dumlude ili komplete forgesis ke asimili vortojn el fontolingvoj por fari vortojn esperantajn estas unu afero, kaj tute alia afero estas ebligi la utiligadon en la esperanta de fremdaj nefontolingvaj vortoj. 'Teatro', 'tragedio' aŭ 'rozo' estas esperantaj vortoj ĉar ili devenas el la fontolingvoj kaj antaŭ ili ne ekzistis esperantaj vortoj por esprimi iliajn konceptojn.

Vortoj kiel 'ahimsao', 'jogao', 'karmao' kaj aliaj sanskritdevenaj fremdaĵoj, pri kiuj mi zorgas ĉi tie, estas internacie uzataj fremdaj vortoj. Nia lingvo plejofte prenas ilin el siaj fontolingvoj kiuj jam uzadas ilin ĉu en la faka, ĉu en la ĉiutaga, ĉu en ambaŭ lingvaĵoj. Kvankam uzataj, ili ne estas asimilitaj vortoj. La vorto *yoga* ne estas franca, angla aŭ germana vorto, kvankam ĝi ekzistas en la tri lingvoj. Oni uzas ĝin kun la klara konscio ke temas pri 'fremda', 'orienta' vorto. Same pri *ahimsa* kaj *karma*. Ĉiuj fontolingvoj, kaj ankaŭ la esperanta, jam havis vortojn denotantajn[9] la konceptojn de tiuj ĉi vortoj, antaŭ ilia ekuzado. Fakte la signifo de 'ahimsao' estas 'nenocado'[10]; tiu de jogao, 'jugo'; kaj tiu de 'karmao', 'far(aĵ)o'. Kial do ekuzi fremdan vorton se oni jam havas bonan propran vorton por iu koncepto? Nur por signifi ke oni ne volas doni la saman aludan sencon al la koncepto, kiel ĝia 'kunnotaĵo' estas en nia hejma kulturo. Kiam mi diras 'ahimsao' anstataŭ 'nenocado' mi volas atentigi ke ne temas pri la koncepta interrilataro kutima de 'nenocado' sed pri la konceptaj interrilatoj kiujn alprenis 'nenocado' en alicivilizaciaj religiaj filozofioj. Oni uzas fremdan vorton por atentigi pri fremda koncepto. Ĉia kripligo, misformo aŭ transformo obstaklas al tiu ĉi celo. Tial la fremdaj vortoj "estas uzataj en la lingvo internacia" (kaj ĉiuj aliaj!) "**sen ŝanĝo**".

Sekve oni ne rajtas fortranĉi el fremdvorto parton kiun la aldonota esperanta finaĵo **ne anstataŭas**. La finaĵoj *-a* de *rosa*, *-um* de *theatrum*, *-a* de *tragœdia* staras anstataŭ la finaĵo '-o' de la esperanta, kiu ne rajtas stari anstataŭ la finaj a-literoj de la **radikaj** formoj: *himsā-*, *yoga-* kaj *karma-*! Cetere neniu kulturlingvo diras nominative *#[11]ahims*, *#jog* aŭ *#karm*. Simple pro tio ke tiuj kiuj enkondukis tiujn ĉi terminojn havis certajn nociojn pri la sanskrita lingvo. Malfermu vortaron sanskrita-etnolingvan. Vi vidos vortojn listigitajn laŭ la alfabeta ordo sanskrita, sed ili ne staras en nominativo, kiel en vortaro latina-etnolingva aŭ helena-etnolingva. La vortara formo de sanskrita vorto estas la radika. Oni facile komprenas kial. La sanskrita lingvo havas fonetikajn regulojn[12] pro kiuj aliformiĝas la komencaj kaj finaj silaboj de la vortoj en propozicioj. La nominativo singulara de la vorto *ahiṃsā-* estas *ahiṃsā*[13] kiu, zorgante nur pri la aliformiĝo de la lasta silabo, *-ā*, povas aperi kiel: *ahiṃsā, ahiṃse, ahiṃso, ahiṃsai, ahiṃsau*. La unua silabo *a-* de *ahiṃsaḥ* povas malaperi aŭ fariĝi *ā-*. Tio estas ke la singulara nominativo de la noma radiko *ahiṃsā-* aperadas en dekkvin malsamaj formoj. La *-ā-*, lasta litero de la radiko *ahiṃsā-* ne estas morfemo[14], ĝi estas etimologia semantemo – preskaŭ kiel

'-ec-' post verba radiko en la esperanta – ĉar ĝi estas unu el la deriviloj kiuj faras abstraktan nomon el verba radiko, kaj, aldone, ĝi estas karakterizilo de unu deklinacia klaso. Do, *a-* signifas 'ne-', *-hims-* signifas '-noc-', *-ā-* signifas '-ec' kaj, en tiu ĉi klaso, la manko de finaĵo signifas '-o'-on. Do por esperantigi la vorton *ahimsā-* ni devas transformi la *m*-on en 'm'-on, la *ā*-on en 'a'-n, la streketon ('–') en 'o'-n, kaj jen la esperantigita formo: 'ahimsao'.

Ni faru la ekzercon ankaŭ por 'jogao':

La nominativo singulara de la radika formo *yoga-* estas *yogah*. La fontolingvoj uzas tute normale la radikan formon. La angla diras *yoga*, la franca, *yoga*; la germana, *Yoga* aŭ, pli moderne, *Joga*. Laŭ la principo de internacieco[15] la uzenda radiko estas do *yoga-*. Laŭ la transskribaj principoj fundamentaj la *y* fariĝas 'j'; la *-h* finaĵon anstataŭos la '-o' esperanta. La rezultato estas 'jogao'.

Kion fari pri la jam hejmiĝinta fuŝformo en *PIV*: "jogo"? Nu, ĝi povas daŭrigi sian karieron je la sama kulturnivelo kiel antaŭe: ĝi estos la formo uzata de tiuj kiuj neniun konas pri la jogaoj, kiuj kredas ke nur unu jogao, la '*hata*-jogao'[16] ekzistas, kiuj kredas ke 'jogao' signifas iaspecan gimnastikon. En ĉiuj lingvoj ekzistas malkleraj duoblaĵoj de fremdvortoj. Bonaj verkistoj uzadas ilin por karakterizi la sociklason de siaj personoj. Ni agos same. Neniam iu serioza verkisto, volante paroli pri unu el la 17 jogaoj priskribitaj en la *Ĉanto de la Beata Moŝto*[17]; neniam iu serioza historiisto traktante pri unu el la ses klasikaj filozofiaj skoloj hindiaj, la Joga-skolo, uzos la fuŝterminon "jogo". Ne nur ĉar ili ne volas ridindigi la esperantistojn, sed ankaŭ ĉar ili bone scias kiajn malfacilaĵojn ili aliros kiam ili devos adapti kunmetaĵojn kies flankelemento estas 'joga-'[18], la ĉefelemento unu jam adaptita fremdvorto kaj la tuto jam internaciiĝinta. Kiel ili parolus pri la 'Jogasutraoj'[19] de PATANĜALI'[20], pri la 'Joga-upaniŝado'[21], pri 'jogatantrao'[22]. Ĉu ili dirus '#jogsutroj', '#jogupaniŝado', '#jogtantro' ktp? Kaj poste, por ĝui absurdon, ĉu 'Jogĉarbumiŝastrokariko'[23]? Iom post iom ili devos transskribi kaj kripligi la tutan sanskritan vortaron, igante nerekoneblaj la elementojn de la kunmetaĵoj, enkondukante erarojn, malhelpante iliajn legantojn trovi ion ajn en vortaroj aŭ enciklopedioj.

Internaciajn fremdvortojn oni ne rajtas kripligi, ĉar ili perdas tiel sian internaciecon. Ĉiuj sanskritdevenaj vortoj envenas nian lingvon per uzado de la 15a regulo, ili do devas resti "**sen ŝanĝo**". Vortoj kies radikoj finiĝas en la sanskrita je *-a* kaj *-ā* konservas ĉi tiujn finaĵojn en sanskritaj kunmetaĵoj, en fontolingvaj uzadoj, do pro kialoj eĉ pli gravaj, ili devos ilin konservi en la esperanta uzado.

Sed estas sanskritaj vortoj kies radika formo ne finiĝas je *-a* aŭ *-ā*, kaj tamen ili envenis la internacian uzadon kun a-finaĵoj. Tia estas, ekzemple 'karmao". La *PIV* kripligis ĝin en "karmo"-on. La sanskrita vorto estas *karman-*, kies primitiva senco estas 'faraĵo', sed kiu alprenis en la metafizikoj budhismaj kaj hinduismaj la sencon de individua destino determinita per la faraĵoj en antaŭaj vivoj. Foje oni vidas la vorton en la formo 'karmano', kiel ni havas 'bramano'-on[24] kaj 'brahmano'-on[25]. La singulara nominativo de *karman-* estas, kiam la vorto estas neŭtralgenra, *karma*, kiam la vorto estas virgenra, *karmā*. Ankaŭ en tiu ĉi deklinacia kazo la marko de la singulara nominativo estas la senfinaĵeco. Pro tio kaj eble ankaŭ pro analogio kun la klasoj *a*-finaĵaj, la sanskrita lingvo enkondukis por la radikformoj *an*-finaĵaj formojn kunmetaĵajn, forigante la finajn *n*-ojn de la radikoj. Kaze de *karman-*, la kunmetaĵa formo estas 'karma-'; kaze de *brahman-*, 'brahma-'. Sekve en iu ajn lingvo, plifortkiale do en la internacia, oni devas uzi sen kripligo, ofte sencoŝanĝa[26], ĉi tiujn radikformojn. Oni do devas diri 'karmao' kaj, por la dio, 'Brahmao'. Neutile aldoni ke en la esperanta oni ĉiam rajtas apostrofi la o-finaĵojn. Uzante ĉi tiun eblon, ni povas strikte sekvi la internacian uzadon kaj skribi: karma', Brahma', ahimsa', raĝa'[27], maharaĝa' ktp. "Brahmo", "Budho", "karmo", "raĝo", "maharaĝo"., "darmo", "jogo" ktp. estas solecismoj. Ne tial ĉar ni havas nur unu enciklopedian vortaron ke ĉio en ĝi estas pravigebla!

# VORTOJ DE LA REDAKTORO

Por fini ĉi tiun dolorkrion pri azenaĵoj prisanskritaj, mi devas diri ke la sistemaj eraroj de la *PIV*-farintoj ne konsistas nur en senĝena kripligado de radikoj, ofte temas pri apenaŭ kredebla malkono. Ekzemple vi trovos en ĝi: "Gotam/o. (!) Familia nomo de la Budho (!)". Bone, en la esperanta tio ĉi signifas: 'Gotama'. Familia nomo de la Budha". Sed la aserto restas malvera. Gotama' estas mita saĝulo, rolanta ekzemple en la *Ramajana*'[28], praulo de la gento Ŝakja'. En la sanskrita oni derivas la nomon de idoj el la nomo de la praulo, samkiel la nomon de sektanoj el la nomo de la fondintoj, per gramatika transformo de la radiko, nomata 'deriva vridhio'[29]. Ŝakjamuni', la Budha', fakte estis el la idaro de Gotama', do li rajte nomiĝis Gaŭtama'. En la *PIV* vi trovos: "Gaŭtama/o = Gotamo". Nu, mi supozas ke, je tia nivelo, vere egale!


Brahma


Vishnu


Siva

Kion mi povas fari? Mi jam tiris la alarmsonorilon[30]. Estas en *PIV* ankaŭ bonaj esperantigoj, kiuj, mi ne scias kial, ne sekvis la prokustan logikon de la vortaristoj. Ekzemple, ĉu iu komprenas kial "Ŝiva/o" ne estis kripligita? Oni ja atendus la fuŝformon #'Ŝiv/o'. Ne vidante precize kian logikon sekvis la *PIV*-farintoj en la esperantigo de sanskritdevenaj fremdvortoj, mi ne povas aserti ĝeneralan regulon por korektado. Mi povas nur listigi la **normajn formojn** preferindajn al kelkaj *PIV*-aj fuŝformoj okulfrapaj. Jen:

ahimsa/o, aŝoka/o (bodhi-arbo), brahman/o (= Absoluto), atman/o, bodhi/o, bodhisatva/o, darma/o[31], hinajana/o, joga/o, karma/o, kŝatrija/o, linga/o, lingam/o[32], mahajana/o, maharaĝa/o, mahatma/o, mantra/o, naraka/o, nirvana/o, paria/o, raga/o, raĝ/o (= imperio), raĝa/o (aŭ raĵa/o), sanga/o, sutra/o, ŝudra/o, tantra/o, vaiŝja/o, veda/a, vedanta/o.

Kaj jen kelkaj propraj nomoj en kies nominativoj ni prefere apostrofu la o-finaĵojn:

Amitaba', Annapurna' (alnomo de la diino Durga'), Annapurna' (la monto en Himalaja', kiu ne hazarde havas la nomon de la antaŭa), Aŝoka' (imperiestro, kiu ne hazarde nomiĝas kiel la bodhi-arbo), Bagavad-Gita', Brahma', Brahmaputra', Budha', Ganeŝa', Ganga', Gaŭtama' (la Budha'), Gotama' (praulo de la gento Ŝakja'), Ĝagannatha', Mahabharata', Purana', Ramajana', Sita', Veda', Kali', Lakŝmi', Maja'.

La difinoj de tiuj ĉi terminoj, donitaj en *PIV*, ne ĉiam estas fidindaj, sed laŭregula esperantigo ebligas la trovon de la internaciaj vortoj en ĉiuj bonaj nacilingvaj enciklopedioj. En sciencaj verkoj oni preferas tute ne esperantigi la fremdvortojn kaj oni parolas, ekzemple, pri *ahimsā*, 'neŭtralgenra Brahman' aŭ *Bodhidharma*, sed en parolata lingvaĵo oni ne povas ĉion prononci nek meti citilojn kaj multaj vortoj inter citiloj certe malbeligus beletran prozon aŭ poezion.

La internaciaj vortoj ne estas nur 'niaj', ili apartenas al ĉiuj kulturlingvoj. Nin perforte apartigi de la tutmonda kultura komunikado estus tiom sensence kiom vane.

*Eugene de ZILAH*

---

1Nomataj "internaciaj" en *Lingvaj Respondoj, 54*, kie ili estas kontraŭmetitaj al vortoj "fundamentaj" kaj al aliaj, kiujn ni povus nomi "oportunaj". (A. ALBAULT: *Fundamento de Esperanto*, p. 302.)

2La rusa kaj la pola aldonas: fremda. (Samloke, p. 303).

3France: en Esperanto

4La franca aldonas: "kaj la gramatikajn finaĵojn".

5La angla tekstas: "tia estas la regulo koncerne la bazajn vortojn, sed estas pli bone formi la derivaĵojn (el la bazaj vortoj) laŭ la reguloj de la internacia gramatiko".

6(France: Ex.: *tragédie* – tragedi'o, *tragique* – tragedi'a) Nun ja ekzistas krome la radiko "tragik'" (3-a Oficiala Aldono, internacia parto) sed ĝi nepre havas pli nuancitan signifon.



[7]Esperantigo de A. Albault, el la angla, franca, germana, rusa kaj pola.
[8]*theatrum* (θέατρον); *tragœdia* (τραγῳδία).
[9]denoti = denotacii = signifi la striktan, nek aludan, nek elkuntekstan, nek metaforan, nek sentovekan sencon de iu alreferaĵo (koncepto). V.a. konotacii = signifi la aludan, elkuntekstan, metaforan, sentovekan sencon de iu koncepto. 'Denoti' ('denotacii') kaj 'konoti' ('konotacii') estas bazaj lingvistikaj fakvortoj.
[10]noc/i (neo.PIV) = malutili. Mi uzas ĉi tiun neologismon nur por insisti sur la fakto ke temas pri verba radiko.
[11]'#' antaŭ lingvaĵero signifas ke temas pri formo misa, neatestita, heŭristike inventita. Normale oni uzas la signon '*', sed en PIV la '*' signifas ke temas pri fundamenta lingvaĵero, do por eviti konfuzojn mi uzas '#'-on.
[12]*samdhi-*
[13]En la deklinacio de la klaso je *ā* la marko de la nominativo singulara estas la foresto de finaĵo ('–').
[14]morfemo = gramatika finaĵo ne havante propran sencon.
[15]Pri la principoj de esperantigo de fremdvortoj tre utilas la legado de la malgranda libro de Paul NEERGAARD: *Fremdvortoj en Esperanto* (SAT, Parizo, 1933.)
[16]*hathayogah*
[17]*bhagavadgītā-*
[18]ekzistas centoj da ili!
[19]*yogasūtra-*
[20]*patañjali-*
[21]*yogopanisad-*
[22]*yogatantra-*
[23]titolo de la fama budhisma traktato: *Yogāchārabhumiçāstrakārikā*, laŭregula transskribo estus: 'joga-aĉara-bumi-ŝastra-karikao'.
[24]hindua altakastano ("brahman-" vorto virgenra). *PIV*.
[25]la Absoluto transkoncepta ('brahman-' vorto neŭtralgenra). Ne estas en *PIV*.
[26]Ekz.: la signifo de *raja-* estas 'reĝ-'; la signifo de *raj-* estas 'imperi-'.
[27]*rājan-* (= reĝ-) apartenas al la sama klaso kiel *karman-*, *ātman-*, *brahman-*.
[28]*Rāmāyanam'* (*La Ĝesto de Ramao*), sanskrita epopeo.
[29]*vrddhi-*
[30]Bv. vidi *LG63*-on.
[31]La silabo 'dha-' ne troviĝas en la fundamenta lingvaĵo, do ni skribas: 'darma/o', sed ni povas trovi en la *Fundamento* ĉiujn silabojn de 'Bod-hid-harma/o' aŭ 'Ma-hab-ha-ra-ta/o'. La konsonanto 'h' estas tute ordinara esperanta sono kiu sekvas la regulojn pri konsonantoj.
[32]*PIV*-a formo akceptebla, sed ne ĝia difino.

# EL VIAJ LETEROJ...

**KURISU Kei** (Japanujo)

INSTIGA REVUO

La sufiĉe ampleksa intervjuo kun Borsboom en n-ro 84 de *La Gazeto*, kiun mi tralegis kun granda intereso, kuraĝigis min sendi al vi iom ampleksan eseon... kun espero, ke ĝi estos publikigita same en *La Gazeto*.

Instigite de via artikolo pri *Genji Monogatari* ... en unu el la lastaj n-roj de *La Gazeto*, mi aĉetis kaj tralegis ĝin en nova japana traduko de Setouti Zyakutyô, eminenta verkistino-bonzino, eldonita antaŭ nelonge en 10 volumoj. Mi ankaŭ aĉetis la anglalingvan tradukon de Edward SEIDENSTICKER, eĉ venigis el Francio la francan tradukon, por kompara studo.

**LG:** Vian eseon ni publikigas malgraŭ ĝia longeco; ĝi estas instruplena pri Japanio kaj japanoj. Vi ja ŝtopas truon: ni ne havas sufiĉe da japanaj kunlaborantoj. *LG* esperas havi iom el la rezultatoj de via "kompara studo", ju pli baldaŭ des pli bone.

**Vladimir LEBEDEV** (Rusujo)

KUN GRANDAJ INTERESO KAJ DANKO

Al vi skribas malnova (kaj maljuna) , sed ne konata por Vi, esperantisto el Rusio, Vladimir LEBEDEV.

Mi kun granda intereso tralegis vian artikolon *Panoramo de la Universala skribo* (*LG79*, '98) kune kun la artikolo de Jean DOUBLET, ĉefe liajn pensojn pri t.n. *Normala evoluo de la esperanta skribo* (ankaŭ tie, en la sama numero, p12), ĉar mi mem antaŭlonge interesiĝas pri tiu kaj similaj problemoj, ligitaj kun la eblo de plua evoluo de nia ŝatata Esperanto. (...)

Via elpaŝo helpas al mi multe ne skribi pri l' historio de l' problemo k.s. kaj tuj transiri al mia propra vidpunkto (vd la tajpaĵon sur aparta folio, kiun mi speciale malgrandigis por malpezigi la leteron – pro la prezo).

Bedaŭrinde, mi kun tro da malfruo legis la menciitan materialon, ĉar lastatempe mi ne havas eblojn (pro tre nefavora financa stato) aboni bonajn kaj ŝatatajn E-periodaĵojn, similajn al via luksa *La Gazeto*, kaj nur povas de tempo al tempo hazarde akiradi kaj legi apartajn numerojn.

Mi sincere deziras al *La Gazeto* kaj al ĉiuj ĝiaj redakcianoj kaj kunlaborantoj sukcesojn kaj prosperon.

**LG :** Viajn tre pripensitajn opiniojn ni altetaksas kaj baldaŭ publikigos. Helpate de tiuj niaj eŭropaj, japanaj kaj nordamerikaj abonantoj kiuj donacadas por nia 'Abonhelpa Fonduso', ni sendos al vi dum iom da tempo *LG*-on, via kontribuado kaj klero certe meritas tion

**Angelos Tsirimokos** (Grekio/Belgio)

BENÁTKY, LA ĈEĤA VENECIO

En la interesa artikolo pri Casanova aperinta en la decembra numero (85) de *La Gazeto*, p18, oni legas interalie ke "li amis... la homsvarmadon de la denaska Benátky", kaj iom pli poste, ke li verkis historion de sia fuĝo "el la karcero en Benátky". Mia unua reago al la unua frazo estis "Ha, ĉu Casanova naskiĝis en Bohemio? Mi tute ne sciis tion!" – sed dubojn pri tio estigis la iom posta aserto, ke Casanova malmulte parolis la germanan kaj tute ne la ĉeĥan. Kontrolo en biografia vortaro baldaŭ sciigis, ke fakte Casanova naskiĝis (kaj estis poste ankaŭ enkarcerigita) en Venecio, kies ĉeĥlingva nomo estas verŝajne Benátky (kun akcento super la 'a').

Tio estas kompreneble ligita kun la ĝenerala problemo de la lok-nomoj kaj de ilia (ne)esperantigo. Sed kion ajn oni opinias pri tio, ĉu oni preferas diri Novjorko aŭ New York, Varsovio aŭ Warszawa ktp., uzi formon kiu estas nek la koncerna naci-lingva (kaj kion tio signifus pri, ekzemple, Bruselo?) nek ia internacie komprenebla esperanta estas rekta eraro. Same erare estas relatinigi malĝuste propran nomon el ekz. greka aŭ cirila transskribo, laŭ la modelo de la Atenaj strat-ŝildoj, kie oni povas legi pri ROUSVELT (=*Roosevelt* !) aŭ NEIGY (=*Neuilly* !). S-ino Jana Cichová bone notu tion, se ŝi intencas elĉeĥigi pliajn gazet-artikolojn...

**LG :** Nu... dankegon! En la redakcia rondo de LG ne troviĝas specialisto pri Casanova. Ni nur supozis ke tiu ĉi ĝenlemano kiu facile pasis de unu lito al alia, samfacile vizitadis diversetnajn karcerojn, kaj, kial ne, karceron nomatan Benátky, kiun nia imago lokis ie en la ĉirkaŭurboj de Prago. La naskiĝo de Casanova en Ĉeĥio ankaŭ nin mirigis... vi ne povas imagi kian disreviĝon kaŭzis viaj informoj. Kaj kiajn ridojn!

**Hermann Behrmann** (Germanujo)

LINGVAJ DEMANDOJ

En n-ro 85, p8 mi ĝoje legis la artikoleton pri Svami Vivekananda, kiun mi alte aprecas.

Sed kio estas "**unuela** jog**a**isto"? Ĉu 'iu' jogano? aŭ 'silenta', 'trankvila', 'meditanta'? Mi vere ne scias. Kaj "nevolataj **kozoj**"? En nia plej ampleksa nova vortaro E-G de Krause mi trovis nek 'unuela" nek "kozo". Kaj "Himalaj**a**o"? Ĉu ne devus esti 'Himalajo'?

Ĵus mi pensas, ke "kozoj" estas eble nur preseraro, kaj devus esti 'kazoj'. Demandoj super demandoj.

La leganto el Polujo (p8) povus esti prof. ŜULCO aŭ mi same bone. Via respondo sur p3 ne estas tre konvinka. Ŝulco en siaj gramatikaj libroj pritraktis tiujn temojn ĝisfunde jam. Se la homoj iom legus ilin, tiaj demandoj kaj tia lingvouzo ne plu estus troveblaj.

**LG:** Simplaj, laŭregulaj kunmetaĵoj, kiel la "unu'el-" zamenhofa, ne ĉiam estas en vortaroj: "unu'el'a" signifas: kiu havas la econ de unu el iu aro. Ĝi estas unuela anstataŭanto de la nedifinita artikolo kiu ne ekzistas en la esperanta.

Pri "jogao", "Himalajao", kaj aliaj sanskritdevenaj fremdvortoj jam estis klarigoj en *LG63* (*Pri fremdvortoj*) kaj denove en ĉi tiu numero. La jogao, pri kiu parolas la svamio, estas doktrino de religia filozofio, kiel ekzemple la vedantao, do la laŭregula derivado de la nomo de ĝiaj majstroj kaj 'profesiuloj' fariĝas per '-isto'. La neologismo "jogio" ekzistas, sed ĝi perfortas la 15-an regulon de la *Fundamenta Gramatiko*. La jogao ne estanta ia societo, klubo, grupo aŭ aro, nek alnomo de iu religifondinto, nomi jogaiston, aŭ jogion, "jogaano" estus malestime. Ni uzu 'jogaano' por mallongigi la vortojn 'jogaklubano', 'jogalernanto', ktp. La *PIV*-a fuŝformo "jogo" estas evitenda, ni lasu ĝin al tiuj kiuj nenion konas pri la Jogao. Ankaŭ "Himalajo" estas kontraŭregule kripligita formo de 'Himalaja''. Cetere vi mem ne volis kripligi la nomon de majstro VIVEKANANDA. Por imiti la *PIV*-ajn fuŝformojn vi povintus skribi '*Vivekanando' kvazaŭ lia vera nomo estus '*Vivekanandus' aŭ '*Vivekanandos' anstataŭ Vivekanandah.

La, en filozofia lingvaĵo nemalhavebla, sed ĉiam utila, neologismo "kozo" (jam ĉe GRABOWSKI, BOIRAC, CHRISTALLER k.a.) estos baldaŭ detale priparolita. Dume ni nur diru ke ĝi signifas kiel la latina *res*, la franca *chose*, la angla *thing*, la germana *Ding*, la itala *cosa*.

# DE IDEALO AL REALO

Antaŭ nelonge mi trovis sur la unua paĝo de *Asahi* – eble la plej prestiĝa taggazeto en Tokio kaj en Japanio entute, kvankam laŭ la eldonkvanto ĝi estas nun la dua post *Yomiuri* – malgrandan reklamon por la ĵus aperinta japanlingva traduko de libro *La angla kiel (ter)globa lingvo*. Ĉar la temo interesis min kaj krome ĉar ĝin japanigis KUNIHIRO Masao, mi tuj mendis ĝin pere de la librobutiko proksima de mia loĝloko.

Sed kial tiu temo interesis min? Ĉar kiel fervora kaj konvinkita esperantisto nature mi ne povis esti indiferenta pri ĝi, ĉar ja Esperanto estas la internacia lingvo, sur la kovrilo de kies *Unua Libro* el 1887 estis fiere presite: "Por ke lingvo estu tutmonda, ne sufiĉas nomi ĝin tia", kvankam Zamenhof certe metis tiujn vortojn por defii Volapukon, kiu, malgraŭ ke ĝi sin aroge nomis "Mondlingvo", enhavis nenion mondan.

Kaj kial la nomo de la japaniginto de tiu libro tiel instigis min aĉeti ĝin? Nu, Kunihiro Masao estas konata kiel unuaranga simultana interpretisto de la angla, kiu siatempe estis interpretisto de MIKI Takeo, ĉefministro rigardita kiel relative liberala, kvankam ankaŭ li apartenis al la burĝa Liber-demokrata Partio, kiu dum multaj jaroj regadis Japanion, sed samtempe li estas konata, precipe lastatempe, kiel akra kritikanto de la tendenco de Usono, kiu traktas Japanion ĉiam pli imperiiste, kvazaŭ sian kolonion. Mi do pensis: se persono kiel Kunihiro Masao japanigis tiun libron, ĝi devas esti io valora.

**Antaŭjuĝo kontraŭ Esperanto**

Mi komencis legi ĝin tuj kiam ĝi alvenis. Laŭ la indekso mi trovis, ke estas en ĝi menciata Esperanto nur unuloke, jam en la 1-a ĉapitro titolita *Kial globa lingvo?* Mi do antaŭ ĉio tralegis tiun fragmenton kaj konstatis, ke ankaŭ la aŭtoro de tiu libro, David CRYSTAL, laŭdire aŭtoritatulo pri la angla, portas grandan, eĉ krudan antaŭjuĝon kontraŭ Esp-o, ĉar li asertas, ke esp-istoj pledas, ke Esp-o estu unusola internacia lingvo, kiu ekskludas ĉiujn nacilingvojn. Granda miskompreno. Ĉu ne? Ĉar la esp-istoj, almenaŭ la plimulto el ili, pledas nenion tian, sed male ĉiam pledas, ke ĝi estu uzata kiel komuna internacia lingvo, sed ankaŭ ke ĉiu nacia lingvo estu uzata ĉefe kiel nacia.

Mi ekvolis refuti lin verkante eseon pri tiu problemo, sed por ke mi povu citi lian tiurilatan diron precize sen ia kripligo, mi decidis aĉeti ankaŭ ĝian originalon. Mi estis eĉ preta venigi ĝin aerpoŝte el Anglio, kie ĝi estis eldonita, pere de granda libromagazeno en Tokio, kiu ankaŭ importas fremdlingvajn librojn inkluzive kompreneble la anglajn, pagante por tio sufiĉe multe. Sed pro certeco mi telefone demandis al tiu libromagazeno nomata Kinokuniya, ĉu ĝi estas en stoko aŭ ne.

Montriĝis, ke bonŝance ĝi estas tie ankoraŭ en stoko. Mi do tuj rezervis ĝin por mi kaj post du tagoj, kiam mi havis alian aferon prizorgi, mi veturis al Tokio (mi loĝas en unu el ĝiaj ĉirkaŭurboj ĉ. 25 km okcidente de ĝi), kie mi haltis ĉe Kinokuniya kaj aĉetis ĝin.

La angla originalo eldonita en 1997 de *Cambridge University Press* portas titolon same kiel la japana traduko: *English as a Global Language*. La koncerna ekstrakto pri Esp-o tekstas en ĝi jene:

"Estas multaj, kiuj pensas, ke ĉiu lingvolernado estas malŝparo de tempo. Kaj ankoraŭ multaj, kiuj vidas nenion malbonan en la vizio, ke mondo kun nur unu lingvo estus tre bona afero. Por kelkaj, tia mondo estus tiu de unueco kaj paco, kun ĉiuj miskomprenoj forlavitaj – larĝe esprimita espero fondanta la subtenan movadon por ia universala artefarita lingvo (kiel Esperanto). Por aliaj, tia mondo estus dezirinda reveno al la "senkulpeco", kiu supozinde ekzistis inter homoj en la tagoj antaŭ la Babel-Turo."[1]

Veras, ke Zamenhof diras jenon en sia bone konata eseo *Esenco kaj estonteco de la ideo de lingvo internacia*, en 1900, do nur 13 jarojn post la publikigo de Esp-o kiel *Lingvo Internacia* en 1887:

**"Ni konfesas, ke kiom ajn ni rompis al ni la kapon, ni neniel povis kompreni, en kio nome**



Kurisu Kei, hejme, 12feb00
fotis lia filo Kurisu Akane

konsistus la malfeliĉo por la homaro, se en unu bela tago montriĝus, ke ne ekzistas jam plu nacioj kaj lingvoj naciaj, sed ekzistas nur unu ĉiuhoma familio kun unu ĉiuhoma lingvo. Sed ni supozu, ke tio ĉi efektive estus io terura, kaj ni rapidos trankviligi tiujn ĉi sinjorojn."

Ĉi tiu ideo de Zamenhof estas interesa, ĉar ĝi poste evoluis en lian homaranismon kaj plue en la sennaciismon de LANTI. Sed ĉi tie pli gravas, ke en tiu eseo li plue diras jene:

"Lingvo internacia deziras nur doni al la homoj de malsamaj popoloj, kiuj staras unu antaŭ alia kiel mutuloj, la eblon komprenadi unu alian, sed ĝi neniel intencas enmiksiĝi en la internan vivon de la popoloj. Timi, ke lingvo internacia detruos la lingvojn naciajn, estas tiel same ridinde, kiel ekzemple timi, ke la poŝto, kiu donas al homoj malproksimaj unu de alia la eblon komunikiĝadi, minacas neniigi la buŝajn interparoladojn inter la homoj!"

Ĉi tiuj vortoj eldiritaj de la kreinto de Esp-o ja plene validas ankoraŭ nun, eĉ 100 jarojn post tio. Vere ni esp-istoj, almenaŭ la plimulto el ni, tute ne pledas, ke en la mondo ekzistu nur Esp-o kaj pereu ĉiuj naciaj lingvoj. Sed male ni ĉiam pledas, ke Esp-o plenumu la rolon de neŭtrala internacia lingvo, kiun ne povas ludi la naciaj lingvoj jam pro tio, ke ili estas lingvoj naciaj, t.e. lingvoj, kiuj apartenas al nacioj, el kiuj ĉiu havas siajn apartajn interesojn, kio malhelpas al ĝi fariĝi lingvo internacia. Kaj tiusence ankaŭ la angla ne povas esti escepto. Ni do pledas, ke ankaŭ ĉiu nacia lingvo ekzistu kaj prosperu plenumante sian rolon ĉefe kiel interkomprenilo inter la anoj, kiuj apartenas al tiu nacio.

Estas do klare, ke David Crystal eraras, argumentante, ke Esp-o celas esti unusola lingvo de la mondo eksklude de ĉiuj naciaj lingvoj.

### Gravas la parolklareco

Kvankam en la indekso de la japana traduko de tiu libro, kaj en tiu de la anglalingva originalo, ĉi tiu estas la unusola loko kie Esp-o estas menciita, tamen mi ekrimarkis tralegante ĝian japanan tradukon, ke en ĝi troviĝas unu alia loko, kie Esp-o estas denove menciita. Kaj mi konstatis poste, ke ankaŭ en la indekso de la anglalingva originalo mankas tiu loko. Esp-o nome denove aperas en la subĉapitro *International security* (*Internacia sekureco*) el la 4-a ĉapitro *Why English The cultural legacy* (*Kial la angla La kultura heredaĵo*). Jen la kunteksto en mia esp-a traduko:

"Argumentoj pri sekureco inkludas multajn faktorojn, kaj estas malfacile izoli unu (kiel la lingvon) kaj fidi ĝin tute. Sed estas kelkaj famaj kazoj, kie la ĉefa kaŭzo ŝajnis lingva. En 1977, malklaraj anglalingvaj prononco kaj terminaro kaŭzis kolizion inter du Boeing 747-oj sur nebula ekdromo en Tenerife – la plej malbona katastrofo en aviad-historio. La KLM-piloto pensis, ke la hispana kontrolisto rajtigis lin je ekflugo, dum la kontrolisto intencis nur doni forir-instrukciojn. En 1995, misa komunikado kaŭzis aeroplanon de American Airlines kraŝi en Cali, Kolombio. Akcident-preventa studo plenumita de Boeing trovis, ke en la jardeko 1982-1991 piloto-kontrolista miskompreno kontribuis, minimume je 11 procentoj, al fatalaj kraŝoj tutmonde.

Oni uzis kazojn de ĉi tiu speco por argumenti favore al dulingva aertrafika kontrolo, aŭ al plisimpla helplingvo kiel Esperanto. Sed ŝajnas kredeble, ke la problemo de misaj prononcoj, fona bruo, kaj aliaj variantoj prezentus malfacilaĵojn, sen rigardo al la lingvo uzata. Dume, la angla – kun ĉiuj ĝiaj mankoj – restas la rekomendata lingvo de internacia aervojaĝo."[2]

Se fona bruo kaj aliaj faktoroj en kaj ĉirkaŭ flughaveno prezentus malfacilaĵojn, des pli grava estas la parolklareco de la lingvo uzata inter kontrolisto kaj piloto. Tiurilate estas evidente, ke Esperanto kun siaj nur 5 vokaloj

multe superas la anglan kun pli ol 10 vokaloj. Ĉi tio cetere estas unu el la gravaj kaŭzoj, kiuj malfaciligas ellerni la anglan, precipe la parolan, ekzemple al japanoj, kies denaska lingvo same havas nur 5 vokalojn, kio inverse tiom pli faciligas al ili ellerni Esp-on inkluzive la parolan.

Ĉi tie mi konfesu al vi el miaj propraj spertoj, kiel estis neeble al mi kompreni eĉ tute simplan anglalingvan parolon. Okazis en 1967, ke mi devis dum mia revenvojo de Prago al Tokio ŝanĝi aeroplanon de Ĉeĥoslovaka Aerlinio en la flughaveno de Ranguno, Birmo, al alilanda aeroplano (mi ne memoras de kiu lando). Sed tiu aeroplano devis baldaŭ reflugi al Ranguno pro malbona vetero, tiel ke ĉiuj ĝiaj pasaĝeroj inkluzive min devis loĝi en tiea hotelo pretaj pasigi unu nokton en ĝi.

Tamen post nelonge eksonis la telefono en mia ĉambro kaj mi ekprenis la aŭdilon, sed bedaŭrinde mi ne povis kompreni, kion la oficisto de la akceptejo de la hotelo parolas en la angla, mi, kiu lernadis ĝin multajn jarojn kaj kiu profesie laboris ĉ. 2 jarojn nelonge post la milito en la radiostacio de Osako kiel anglalingva tradukisto kaj jam japanigis 2 anglalingvajn librojn! Kial? Vi eble demandos. Nu, simple pro tio, ke la angla estas lingvo orele malfacile komprenebla por japanoj kiel mi pro la supre klarigita kaŭzo.

Mi do pro necerteco tuj malsupreniris al la akceptejo, kie montriĝis, ke la oficisto volis komuniki al mi, ke, ĉar la vetero intertempe pliboniĝis, mi rapidu kun mia bagaĝo por ekflugi pluen per alia aeroplano. Tute simpla afero, ĉu ne? Tiun anglalingvan parolon mi tiufoje povis kompreni helpate de la gestoj de la oficisto. Jen kiel malfacile komprenebla estas por ni japanoj la parola angla, eĉ se ni lernadis la anglan multe da jaroj kaj eĉ se temas pri tute simpla afero.

Estas ankaŭ fakto, kvankam eble malfacile kredebla por vi, ke japana universitata profesoro, kiu kompreneble plene ellernis la skriban anglan, estis, en Usono, traktata de vendistino kiel idioto, ĉar li neniel povis interkompreniĝi kun ŝi, kiam li provis aĉeti ion de ŝi. Tio ne estas anekdoto, kiun iu elpensis por amuzi siajn legantojn, sed, bedaŭrinde, fakto! Tiom malfacila, mi ripetu, estas por ni japanoj la parola angla.

Ĉu tia lingvo rajtas esti la komuna lingvo de flughavenaj kontrolistoj kaj aeroplanaj pilotoj, kiam de ilia plena interkompreniĝo dependas la vivo de multegaj pasaĝeroj? Klaras, ke tute ne! Se tamen oni tiucele uzadas la anglan, tio estas klarigebla nur per unu vorto: inerteco!

## KRUCVORTENIGMO 'KVE-87'



**HORIZONTALE**

1•Helena ide' de barbara suvereno 2•Printempoanoncil' •Lupida 3•Nov-Zelanda nokta bird' •Onomatopeero 4•Puĉema di' •Sensaĝa alven' 5•Senobstaklig' 6•MonoGrame: Aŭtoro de *La Libro de Teo,* tradukita en 1965 •Malneŭtralig' 7•Grupe •Portebla naĝejo 8•Mallarĝa pasej' 9•Utila kombaĵo •Nuligil' 10•Ordenfondinta historiisto franca (19a jc).

**VERTIKALE**

1•Id' de la Blanka kaj de la Ruĝa •Modelo por dorlot-urseto 2•Pore' 3•Kaptil' •Homgrupa 4•Landlima river' •Tempunu' de la universala konscio 5•Malbenita praulo de malbenita idaro •Surfac' 6•Artoskol' 7•Silkodoma insekt' 8•Prepozicio •Ag' foliranda 9•Valoriĝemo •Inklin' 10•Almezurad' •Timinda donacant'.

Tri solvintoj ricevos premion se iliaj solvoj alvenos **antaŭ** 30apr00

# NIA TRIBO

### Japanoj kaj la angla

Kunihiro Masao, la japaniginto de la libro de David Crystal, mire plendas en sia sufiĉe longa kaj interesa postparolo, kiel malalta estas la anglalingva kapablo de japanaj universitataj studentoj kompare kun tiu de la universitataj studentoj de Ĉinio kaj Sud-Koreio.

Efektive laŭ unu el la seriaj artikoloj de HUNABASI Yôiti[3], en TOEFL[4], usona institucio fondita por eksterlandaj studentoj kiuj aspiras studi en Usono, en 1996-97 Japanio rangas kiel la 150-a el inter 165 landoj kiuj partoprenis en tiu 'Testo'. Inter aziaj landoj, ĝi estas la antaŭlasta kun meze 496 poentoj, antaŭ nur Mongolio, kun meze 490 poentoj. Ĝi postrestas eĉ je Norda Koreio, hermetike fermita al la ekstera mondo, kun meze 497 poentoj.

La 13an de dec. 1998 en *Asahi* aperis artikolo de IWAMURA Tatuo, la vicĉefo de la redaktoroj kiuj verkas frontartikolojn, ankaŭ pri la nekapablo de japanoj koncerne la anglan. Laŭ KOBAYASI Manabu, kiu ĉefas la prihoman teknologian instituton en Tokio – Iwanura skribas – la japana konsistas el 108 sonoj, dum la angla eĉ el 1808, kio kaŭzas la proverban nekapablon de japanoj koncerne la anglan.

Mi kredas, ke nun estas por vi komprenèble, kial ni japanoj estas tiel malkapablaj koncerne la anglan. Miaopinie per tio estas klarigebla ankaŭ, ke en la japana taggazetaro inkluzive la prestiĝan *Asahi* tiom inundas preskaŭ ĉiutage diversaj reklamoj, multspacaj, grandliteraj, troigaj, bombastaj, eĉ ĉarlatanaj de anglalingvaj memlerniloj, kasedoj, videobendoj, kompaktodiskoj kaj similaj. La reklamado en grandaj taggazetoj en Japanio kostas ege multe. Sed la fakto, ke malgraŭ tio ne ĉesas aperi tiaj reklamoj sendube pruvas, ke la komercistoj, kiuj tiel reklamas, multe profitas vendante grandan kvanton da tiaj memlerniloj pri la angla.

Aliflanke tio pruvas ankaŭ, ke multaj japanoj, kiuj deziregas iel ellerni la anglan, amase aĉetas ilin pagante enorman monsumon, kvazaŭ dronanto kiu senespere kaptas pajleron.

Laŭ mia kompreno David Crystal volas diri per sia libro, ke la rolon de globa lingvo devus ludi la angla, ĉar efektive ĝi jam ludas tiun rolon, sed neniu alia nacilingco, des malpli artefarita lingvo kiel Esp-o.

Sed miaopinie la rolon de globa lingvo ne povas plenumi la angla jam pro tio, ke ĝi estas lingvo kiu apartenas al iuj nacioj (brita, usona, kanada, aŭstralia kaj novzelanda). Tio ĉi, pro la fakto mem, malkvalifikas ĝin por tia rolo, ĉar tio privilegius tiujn 5 naciojn kontraŭ ĉiuj ceteraj nacioj. Plue ĝi estas tro malfacile ellernebla, precipe tro malfacile parolebla kaj aŭdebla.

### Kiel mi uzas regule Esperanton

Do kiu lingvo devus ludi la rolon de globa lingvo? Miaopinie nur Esp-o. Sed ĉu efektive ĝi jam ludas tian rolon? Bedaŭrinde nur malmulte. Ĉar laŭ la frontartikolo de Kalle KNIIVILA, finna ĵurnalisto, nuna estrarano de UEA pri informado, publikigita en 1998 en la oktobra n-ro de *Esperanto*, tiuj, kiuj regule uzas Esp-on, estas dekmilo, kaj tiuj, kiuj uzas ĝin almenaŭ de tempo al tempo, estas centmilo. Estas interese, ke tio proksimume koincidas kun la pritakso de Esp-o en La *Nova Enciklopedio Brita*[5]: "La nombro de Esperanto-parolantoj estas taksata je pli ol 100.000".

Mi plene subtenas tiun ĉi vidpunkton, ĉar mi mem ĝis nun proksimume tiel opiniadis kaj eldiradis. Alie kial povus okazi, ke esp-aj libroj ĝenerale havas tiom malmulte da eldonkvanto? Mi mencias en mia eseo *Idealo kaj realo de la esperanta literaturo*, ke la esp-aj tradukoj de la romano *Milito kontraŭ Salamandroj* de Karel ĈAPEK kaj la rakontaro *Ne nur soldato Ŝvejk* de Jaroslav HAŜEK eldoniĝis respektive nur en la eldonkvanto de 500 kaj 600 ekzempleroj. Ankaŭ la esp-traduko de la mondfama romano *Krimo kaj puno* de Fjodor DOSTOJEVSKIJ eldoniĝis en eldonkvanto de nur 300 ekzempleroj!

Do rilate Esp-on, bedaŭrinde la realo kruele perfidas la idealon. Kion do ni esp-istoj faru? Miaopinie por ni ĉiuj restas nur ĉiam pli strebadi ke Esp-o pli disvastiĝu, diversmaniere, kiom ni povas. Kion mi faras tiurilate kaj kiel, mi detale kaj konkrete priskribis en miaj similtemaj eseoj: *La kajto de Esperanto* kaj *La idealo kaj realo de la esperanta literaturo*.



Kurisu Kei apud lia labortablo
fotis Kurisu Akane, 12feb00

Ni do strebadu, ke la realo transformiĝu kiel eble plej frue en idealon, ke nia amata Esp-o fariĝu vere globa lingvo. Ni uzadu Esp-on sed samtempe uzadu ankaŭ aliajn lingvojn laŭnecese, kvankam inter la esp-istoj bedaŭrinde ankoraŭ nun troviĝas ne malmultaj trofervoruloj, kiuj asertas uzadi Esp-on ĉiuokaze, ekskludante naciajn lingvojn. Laŭ mi ili tiel asertante pli damaĝas Esp-on ol utilas al ĝi malgraŭ sendube bona intenco.

Mi mem uzas Esp-on ĉefe por korespondado kaj verkado. Nature mi uzas Esp-on kiam mi korespondas kun eksterlandaj esp-istoj. Sed mi uzas ĝin ankaŭ en korespondado kun japanoj, kiam mi scias, ke ili estas esp-istoj, kiuj jam plene posedas Esp-on. Mi uzas Esp-on eĉ kiam mi korespondas kun neesp-istaj ĉeĥoj, ĉar feliĉe mia ĉeĥa leteramiko Jaroslav ZÁK volonte ĉeĥigas miajn esp-ajn leterojn kaj sendas siajn ĉeĥajn tradukojn al la adresitoj, pro tio, ke kvankam mi kapablas skribi ĉeĥe mezbone, mi povas skribi esp-e multoble pli rapide kaj bone ol ĉeĥe. Kiomoble?

Ĉi-rilate mi ne povas ne rememori la vortojn de Zamenhof el la jam menciita eseo, ke Esp-o estas almenaŭ 50-oble pli facila ol ĉia natura (nacia) lingvo. Eble por eŭropaj kaj eŭropidaj esp-istoj tio ŝajnas troiga, sed por ni, aziaj esp-istoj, tiuj vortoj de Zamenhof estas veraj. Jen kia beno estas Esp-o precipe por ni azianoj, malgraŭ sufiĉe granda struktura-diferenco inter ĝi kaj niaj denaskaj lingvoj!

Esp-o helpis min, ĉar mi ankoraŭ estis komencanta tradukisto el la ĉeĥa literaturo, kiam mi japanigis rekte el la ĉeĥa originalo la klasikan romanon *Babiĉka* de Bozena NEMCOVÁ, ĉar mi povis ĉiam konsulti ĝian esp-an tradukon *Avineto.* Kaj ankaŭ kiam mi japanigis la novelaron *Muta barikado* de Ján DRDA el Esp-o, ankoraŭ ne scipovante la ĉeĥan.

Ne longe post la milito mi japanigis novelon, *La ruĝa kaptuko* de ukraina verkisto Andrij HOLOVKO, kaj la kelkajn unuajn ĉapitrojn de *Fata morgana,* romaneto de Miĥajlo KOCJUBINKIJ, ankaŭ ukraina verkisto, ambaŭ el iliaj esp-aj tradukoj, kai publikigis en beletra monatorevuo *Tôzai* (laŭvorte: Oriento kaj Okcidento) en Kioto. Poste mi memlernis la ukrainan, por ke mi povu japanigi *Fata morgana*-on rekte el ĝia originalo, kaj tiucele eĉ aĉetis multvoluman ukrainan-ukrainan vortaron, tiel ke mi estu preta tion fari, kiam la okazo prezentiĝos.

Mi japanigis ankaŭ en 1975 el Esp-o *La danĝera lingvo*-on de Ulrich LINS kaj en 1990 same el Esp-o kune kun mia filo *Tempesto super Akonkagvo*-on de Tibor SEKELJ.

En 1949 mi japanigis el Esp-o leterojn de miaj eksterlandaj esp-istaj korespondantoj kaj publikigis ilin en libro *La sama suno lumigas la mondon* kiun mi kompilis (unu escepto estis la 2 leteroj de R.F. Vaughan, esp-isto el Sandakan, Norda Borneo, kiuj estis anglalingvaj). Kiel profesia tradukisto ĉefe el la ĉeĥa literaturo nature mi japanigis sufiĉe multe da ĉeĥaj verkoj inkluzive de *Aventuroj de brava soldato Ŝvejk dum la mondmilito* de Jaroslav Haŝek, *Milito kontraŭ Salamandroj* de Karel Ĉapek kaj *Riporto skribita en la pendumila maŝo* de Julius FUĈIK.

### Traduklaboro kaj obstakloj

Ke mi laboris profesie kiel anglalingva tradukisto en la radiostacio de Osako dum ĉ. 2 jaroj ne longe post la milito, mi jam menciis supre. Mia laboro konsistis el angligo de ĉiuspecaj disaŭdigotaj japanlingvaj tekstoj por cenzurado fare de la usonaj okupaciaj aŭtoritatuloj. Antaŭ la milito mi japanigis el la angla porinfanan rakonton *Silverscale* (*Arĝentskvamo*) el la porinfana libro *Wild Animals at Home* (*Sovaĝaj animaloj de proksime*) de skota verkisto Mortimer BATTEN kaj publikigis ĝin sub titolo *Vivo de salmo* en *Seikatu kyôsitu* (*Viva klasĉambro*), porinfana monatrevuo en Tokio.

En la sama revuo mi serie publikigadis la porinfanan romanon *Afke's Tiental* de nederlanda verkistino Nynke van HICHTUM, kiun mi japanigis el ĝia anglalingva traduko *Afke's Ten*. Sed tio interrompiĝis pro mia neatendita arestiĝo fare de Tokkô, la japana Gestapo, kaj kontraŭvola transportiĝo al Osaka pro suspekto, ke mi partoprenis, kiam mi ankoraŭ loĝis tie, en la subtera agado restarigi la centron de la Komunista Partio de Japanio detruitan en Tokio. Alie mi povintus publikigi en mia japana traduko la tutan romanon. Cetere ĝia esp-a traduko *La Dekopo de Afke* aperis postmilite, en 1974.

4 rakontoj el la libro de Batten, inkluzive de *Silverscale*, aperis en mia japana traduko libroforme jam dum la milito, en 1942. Nelonge post la milito la tuta libro de Batten devintus eldoniĝi en mia japana traduko, se la usonaj militaj aŭtoritatuloj, kiuj okupaciis Japanion, ne malpermesus tion. Jen alia flanko de Usono, kiu sin nomas la lando plej demokratia en la mondo!

En 1949 mi japanigis anglalingvan riporton de Walter STORM, angla ĵurnalisto el Suda Afriko loĝinta en Prago, pri la okazintaĵoj en februaro 1948 en Ĉeĥoslovakio, kiujn la Komunista Partio de Ĉeĥoslovakio nomis revolucio kaj kiun nun oni (ekzemple Václav HAVEL, la nuna prezidento de Ĉeĥio) prave nomas puĉo. La riporto titolita *La krizo en Ĉeĥoslovakio*[6] estis eldonita 'samizdate' (kvankam tiutempe ankoraŭ ne ekzistis la vorto 'samizdato'), sub la titolo *Venko de la ĉeĥoslovaka popolo*, de la Kansaj-regiona komitato de la KP de Japanio (Kansajo, kies origina formo estas Kansai, estas la sufiĉe vasta regiono ĉirkaŭ Osako), ĉar ni antaŭvidis, ke tion ne permesos la usonaj okupaciaj aŭtoritatuloj.

En 1950 ĝin reeldonis ankaŭ samizdate la Kyûsyû- regiona komitato de la KP de Japanio sub titolo *Semajno de ĉeĥa revolucio*, ĉar la Kansaj-regiona komitato ne povis tion fari pro manko de papero, kiu estis ĝenerala fenomeno en Japanio nelonge post la milito. Mi tamen deziris, ke ĝi estu ankaŭ laŭleĝe eldonita, por ke ĝi estu plimulte legata ankaŭ de nekomunista publiko. Feliĉe mi trovis eldonanton pretan por tio. Estis SAN'ITI Syobô en Kioto, kiu en 1949 eldonis mian duan korespond-libron titolitan *Voĉo de l' Mondo* konsistantan el 44 per-esp-aj leteroj de 35 personoj el 18 landoj senditaj al diversaj japanaj esp-istoj, kiujn mi japanigis kaj kompilis.

Ĉar permeso de la aŭtoro estis unu el la kondiĉoj nepre necesaj, por ke japana traduko de eksterlanda verko povu eldoniĝi sub la usona okupacio, mi skribis anglalingvan leteron al ĝia aŭtoro, Walter Storm en Prago, klarigante la aferon, kaj li tuj sendis al mi sian leteron, en kiu li klare esprimas sian permeson, ke tiu libro lia estu eldonita en mia japanlingva traduko. Sed malgraŭ tio la usonaj okupaciaj aŭtoritatuloj ne permesis ĝian eldoniĝon. Se unu el la ecoj de la demokratio estas lasi liberan agadon eĉ al siaj kontraŭuloj, estis stranga demokratio, kiun ili praktikis en Japanio, kiun ili okupaciis, ĉu ne?

Alia ekzemplo. Mi volis, ke ankaŭ la tuta supre nomita libro de Batten eldoniĝu postmilite en mia japana traduko. La eldonejo Kôbun Ŝya en Osako akceptis mian proponon kaj komisiis al bone konata artpentristo HURUYA Arata ilustri ĉiun rakonton el ĝi. Kaj la libro estis jam prespreta, sed ĝia eldoniĝo bedaŭrinde ne realiĝis pro tio, ke la usonaj okupaciaj aŭtoritatuloj ne permesis ĝin kun preteksto, ke ankoraŭ ne estas eble sendi honorarion al la aŭtoro loĝanta en Britio.

Denove stranga demokratio: ne permesi eldoniĝon eĉ de tia senkulpa porinfana rakontaro pri sovaĝaj animaloj kiel salmoj, leporoj kaj kaproj, kun tia travidebla preteksto. Verŝajne per tio ili venĝis al mi pro tio, ke mi, tiam ankoraŭ komunisto, superruzis ilin per samizdata eldonigo de *La krizo en Ĉeĥoslovakio* fare de la du regionaj komitatoj de KPJ.

Ĉi-koncerne neatendita venis en mian kapon la jena penso: Ĉu ankaŭ la imperiisma superregado de la angla ne havas ion komunan kun tia praktiko de Usono? Pro tio lastatempe mi kun plena konsento tralegis en la esp-a traduko de la vojaĝlibro de Maryvonne kaj Bruno ROBINEAU *Ili vivis sur la tero* (Opera-Eldonejo 1998) la jenajn vortojn:

"Ni ne forgesu, ke nur dek elcentoj de la mondanoj parolas la anglan. Ĉu vere logikas deklari sin malamiko de la usona imperi-

ismo, aŭ defendantoj de la etnaj kulturoj, kaj samtempe rekomendi la anglan kiel internacian?"

Mi ŝatus montri tiujn vortojn antaŭ ĉiuj al Kunihiro Masao, la japaniginto de *La angla kiel globa lingvo* de David Crystal, al li kiu, malgraŭ sia akra kontraŭstaro al la usona imperiismo, ankoraŭ ne ĉesas rekomendi la anglan kiel globan lingvon.

Antaŭ la milito mi japanigis ruslingvan beletran memlernilon por kamparanaj korespondantoj titolita *Fundamentoj de literatura legoscio*[7] kaj serie publikigis ĝin en monata revuo en Tokio *Bungaku Hyôron* (*Literatura Revuo*). Sed ĉar Tokkô, la supre menciita japana sekretpolico, arestis ne nur ĝian redaktoron sed eĉ la estron de la eldonejo mem, la revuo ĉesis aperadi, tiel ke la seria publikigo de tiu rusa beletra memlernilo en mia japana traduko devis interrompiĝi.

Tamen ĝia ĉina traduko laŭ mia japana traduko daŭre aperadis en duonmonata revuo *Guangming* (*Lumo*) en Ŝanhajo, ĉar mi sendadis miajn manuskriptojn al ĉinaj tradukintoj, verkista paro, laŭ ilia peto. Espereble la seria publikigo en ĝi sukcese finiĝis antaŭ ol la totala invado de la japanaj imperiistoj en Ĉinion, julie 1937, tion malebligis.

Ankaŭ el la franca mi japanigis la sufiĉe ampleksan unuan ĉapitron titolitan *Kiel oni fariĝas komunisto* de *Se ili min mortigos...*[8], francligva aŭtobiografio de Jírí PELIKÁN, ĉeĥa ĵurnalisto kiu aliĝis la KP-on de Ĉeĥoslovakio sub la nazigermana okupacio ankoraŭ nur 16-jara gimnaziano en Olomouc, Ĉeĥio. Ĝi estis publikigita antaŭ nelonge en 5 partoj en la revuo *Kaosu to rogosu* (*Kaoso kaj logoso*) en Tokio.

Jen kiel mi laŭnecese utiligis ĝis nun krom Esp-on kelkajn nacilingvojn kiujn ellerni feliĉe al mi prosperis. Kaj tion mi pludaŭrigos. Mi estas aktiva esp-isto ekde 1930 kaj mi neniam ĉesos esti tia dum mi vivos. Nun la nombro de aktivaj esp-istoj estas nur ĉ. 10000. Do ili vere ankoraŭ estas nur guto en la granda maro de la homaro.

Sed mi estas firme konvinkita, ke tiu guto fariĝos fine granda maro, nur se ĉiu el ni, aktivaj esp-istoj, konstante farados sian plejeblon en sia loĝloko, en sia laborejo, en sia lernejo, en sia fako ktp. por diskonigi Esp-on, kaj plue nur se ni praktike uzados ĝin okulvideble al la vasta neesp-ista publiko.

Nur tiamaniere Esp-o fine fariĝos vere globa lingvo, tuthomara lingvo, kiel profetis Zamenhof jam en la fino de sia *Unua Libro* el 1887, anstataŭ la angla. Nur tiamaniere nia bela idealo transformiĝos en realon egale belan!

*KURISU Kei*

---

**1.** *"There are many who think that all language learning is a waste of time. And many more who see nothing wrong with the vision that a world with just one language in it would be a very good thing. For some, such a world would be one of unity and peace, with all misunderstanding washed away – a widely expressed hope underlying the movement in support of a universal artificial language (such as Esperanto). For others, such a world would be a desirable return to the "innocence" that must have been present among human beings in the days before the Tower of Babel."* (La substrekado estas mia.)

**2.** *"Arguments about security involve many factors, and it is difficult to isolate one (such as language) and rely on it entirely. But there are some famous cases where the primary cause of the accident does seem to have been linguistic. In 1977, unclear English accent and terminology caused the collision between two Boeing 747s on the foggy runway at Tenerife – the worst disaster in aviation history. A KLM captain thought the Spanish controller have cleared him for take-off, whereas the controller had intended only to give departure instructions. In 1995, poor communication caused an American Airlines plane to crush at Cali, Columbia. An accident prevention study carried out by Boeing found out that, in the decade 1982-1991, pilot-controller miscommunication contributed to at least 11 percent of total crashes worldwide.*

*People have used cases of such kind to argue in support of bilingual air traffic control, or the use of a simpler auxiliary language such as Esperanto. But it seems likely that the problem of poor accents, background noise, and other variables would present difficulties, rigardless of the language in use. In the meantime, English – with all its failings – remains the recommended language of international air travel."*

**3.** Antaŭe la ĉefo de la filio de *Asahi* (la supre menciita plej prestiĝa taggazeto en Japanio) en Usono, kaj nun ano de ĝia redakt-komitato, publikigita je 30okt98 en ĝia semajngazeto *Semajna Asahi*.

**4.** (*Test Of English as a Foreign Language* = Testo de la angla kiel fremda lingvo)

**5.** *The New Encyclopedia Britannica* (5a eldono, 1988): *"The number of Esperanto speakers is estimated at more than 100.000"*

**6.** *The Crisis in Czechoslovakia*

**7.** *Osnovy literaturnoj gramoty*

**8.** *Comment on devient communiste*, en *S'ils me tuent* (Bernard Grasset, Parizo, 1975)

**el germana**

# VIVO DE GALILEI

## Bertolt BRECHT

**PERSONARO**

Galileo Galilei
Andreo Sarti
Sinjorino Sarti, *dommastrino de Galilei, patrino de Andreo*
Ludoviko Marsili, *riĉa junulo*
La dekano de la Padova universitato, sinjoro Priuli

### 1

Galileo Galilei, profesoro pri matematiko en Padovo, volas pruvi la novan kosman sistemon Kopernikan

En la mil-sescent-naŭa jaro
arde brilas nova lum';
Galile' pruvas per matematik'
ke ja ŝustas la koncepto de Kopernik':
moviĝas ter' ĉirkaŭ senmova sun'.

*La preskaŭ mizera studoĉambro de Galilei en Padovo. Estas mateno. Knabo, Andreo, la filo de la dommastrino, alportas glason da lakto kaj bulkon.*

**Galilei** *lavante sian torson, ternante, gaje.* Metu la lakton sur la tablon, sed ne fermu iun libron.

**Andreo** Panjo diras ke ni devas pagi la laktovendiston, alie li baldaŭ faros cirklon ĉirkaŭ nia domo, sinjoro Galilei.

**Galilei** Vi korekte diru: li laŭiros cirkonferencon, Andreo.

**Andreo** Laŭ via plaĉo. Se ni ne pagos, li laŭiros cirkonferencon ĉirkaŭ ni, sinjoro Galilei.

**Galilei** Kaj la ekzekuciisto, sinjoro Cambione, venos al ni laŭ rekta linio, elektante kiun distancon inter du punktoj?

**Andreo** *rikane.* La plej mallongan.

**Galilei** Bone. Mi ion havas por vi. Rigardu malantaŭ la astromapoj.

*De malantaŭ la astromapoj Andreo eltiras grandan lignan modelon de la kosma sistemo laŭ Ptolemeo.*

**Andreo** Kio estas tio?

**Galilei** Astrolabo; tiu objekto montras kiel la astroj moviĝas ĉirkaŭ la tero, laŭ la opinio de la antikvaj filozofoj.

**Andreo** Kiel?

**Galilei** Ni ekzamenu ĝin. Antaŭ ĉio la unua: priskribo.

**Andreo** En la centro troviĝas ŝtoneto.

**Galilei** Tio estas la tero.

**Andreo** Ĉirkaŭ-ĉirkaŭe troviĝas, unu ĉirkaŭ la alia, ringoj.

**Galilei** Kiom da?

**Andreo** Ok.

**Galilei** Tio estas la ĉielaj sferoj.

**Andreo** Sur la ringoj globetoj estas fiksitaj...

**Galilei** La astroj.

**Andreo** Tie mi vidas bendojn sur kiuj vortoj estas pentritaj.

**Galilei** Kiaj vortoj?

**Andreo** Nomoj de astroj.

**Galilei** Ekzemple?

**Andreo** La suba globeto estas la luno, laŭ sia bendo. Kaj super ĝi la suno troviĝas.

**Galilei** Kaj nun movu la sunon.

**Andreo** *movas la ringojn.* Bele tio aspektas. Sed ni estas tiom enfermitaj.

**Galilei** *sin frotante seka.* Jes, tiel sentis ankaŭ mi, vidante tiun objekton unuafoje. Kelkaj homoj tiel sentas. *Li ĵetas la bantukon al Andreo, kiu frotu lian dorson seka.* Muroj kaj sferoj kaj senmoveco! Dum dumil jaroj la homo kredis ke la suno kaj ĉiuj astroj de la ĉielo rondflugas ĉirkaŭ li. Papo, kardinalo, princo, sciencisto, ŝipestro, komercisto, fiŝvendistino kaj lernejano, ĉiuj kredis sin senmovaj meze de

# VIVO DE GALILEI

tiu kristala sfero. Sed nun ni forflugas el ĝi, Andreo, rapidege. Ĉar la malnova tempo pasis, kaj venis nova tempo. Dum cent jaroj aspektis kvazaŭ la homaro atendus ion.

La urboj estas malvastaj, kaj tiaj estas la mensoj. Superstiĉo kaj pesto. Sed nun etendiĝas la opinio: ĉar estas tia, ne restas tia. Ĉio moviĝas, mia amiko.

Volonte mi konjektas ke la ŝipoj ekpuŝis ĉion. De memoreblaj tempoj ili rampadis laŭlonge de la marbordoj, sed subite ili forlasis la bordojn kaj nun navigas sur ĉiuj maroj.

Sur nia malnova kontinento naskiĝis famo: ekzistas novaj kontinentoj. Kaj de kiam niaj ŝipoj veladas tien, en la ridantaj kontinentoj disvastiĝas la scio: la granda, timita maro estas nur malgranda lago. Kaj ekestis la avido esplori la kaŭzojn de ĉio: pro kio falas la ŝtono kiun oni

## Bertolt BRECHT

**(1898-1956)**



Bertolt Brecht estas 16-jara en 1914 kiam komencas la unua mondmilito. Tro juna por partopreni en ĝi, li studas medicinon en Munkeno, ĉefurbo de Bavario. Tie li naskiĝis. Dum la milito li laboras en milithospitalo. Li rapide forlasas siajn studojn por sin lanĉi en la vivon de poeto, de romanisto kaj ĉefe de dramisto.

Kiel multaj intelektuloj tiutempaj, Erich Maria Remarque en Germanio, Céline en Francio, li diskrias la absurdon de la milito. La scenejo estos lia tribuno. En 1922 li prezentas en Munkeno teatraĵon ankoraŭ klasikan strukture kaj stile: *Tamburoj en la nokto*[1], mordan atakon kontraŭ la milito kaj la burĝaro profitanta el ĝi. Tiu dramo konatigos lin en la tuta Germanio, ĝis Berlino, en norda Germanio, kien Max Reinhardt, la "magiisto de la scenejo" venigas lin, kaj lian preferatan aktorinon Helen Weigel.

Brecht apartenas al la generacio de germanaj artistoj kaj verkistoj kiuj arde ribelas kontraŭ la pasintecaj valoroj kaj bole novigas. L' ekspresionismo, ankoraŭ viva ĉe Otto Dix aŭ Georg Grosz, lin influas. Li spertas literaturajn anarkiismajn rondojn. Liaj personoj estas el la sama medio kiel tiuj de Döblin en *Berlin, Alexanderplatz*: etuloj, marĝenuloj, putinoj, kanajloj, mizeruloj, viktimoj de la fia socia ordo. Teknike, li miksas ĥoron kaj dialogon, muzikon kaj parolan dramon, kunkreante kun la komponisto Kurt Weill. El tiu fruktodona epoko elstaras la *Trigroŝa romano*[2], opero kaj filmo, kiu famigos lin en la tuta Eŭropo. La berlinaj spektantoj ne komprenis, aŭ ne volis kompreni, la cinikan senkompatan pledon kontraŭ la aroganteco, la hipokriteco kaj aliaj moralaj malsanoj de la burĝaro.

1928 estas turnopunkto en la vivo de Brecht: li edziĝas al Helen Weigel, li iĝas marksisto, liaj verkoj estos de tiam pli didaktikaj, pli senperaj, por ke la spektanto konsciiĝu pri la realaĵoj de la vivo anstataŭ drivi al ia magia universo, aŭ romantike identiĝi kun la herooj. Li devigas la spektanton 'distanciĝi' de la spektaklo.

1933: la nazismo triumfas. Kiel multaj artistoj, Brecht ekziliĝas: en Danlando ĝis 1940, en Finlando kaj Rusio, en Usono ekde 1941.

En 1948 li revenas East-Berlinon kaj kreas kun sia edzino, la 'Berlina Ensemblo'-on.

La grandaj politikaj teatraĵoj, atentigoj kontraŭ la milito, kritikoj kontraŭ faŝismo kaj kapitalismo, protestoj kontraŭ la maljusta moderna socio, datiĝas de tiu epoko. Verkitaj en ekzilo, ili estos surscenigitaj jarojn poste, ofte en Zuriko en la neŭtrala Svisio, poste en Berlino. La plej gravaj estas: *Patrino Kuraĝo kaj ŝiaj infanoj*, *Vivo de Galilei*, *La proceso de Lukulo*, *La kaŭkazia kretocirklo*, *La rezistebla alsupriĝo de Arturo Ui*[3]. Tiu ĉi lasta transigas en la medion de Ĉikago-gangsteroj la alsupriĝon de Hitler; verkita en 1940-41, ĝi estos kreita en 1959, tri jarojn post la morto de Brecht, de la Berlina Ensemblo, kiun plugvidas lia edzino.

*Vivo de Galilei*, 1938, estas historia; en ĝi kelkaj mensofrapaj paroloj de la heroo povus esti mesaĝo de Brecht mem: "Mi kredas ke la ununura celo de la scienco konsistas en malpezigo de la peza laceco de la homa vivo".

*MdZ*

1. *Trommeln in der Nacht* 2. *Dreigroschenoper*, 1928 3. *Mutter Courage und Ihre Kinder*, *Leben des Galilei*, *Das Verhör des Lucullus*, *Der kaukasische Kreidekreis*, *Der aufhaltsame Aufstieg des Arturo Ui*.

ne plu tenas, kaj kiel ĝi flugas kiam oni ĵetas ĝin supren? Ĉiutage io estas eltrovata. Eĉ la centjaruloj petas ke la junuloj kriu la novajn eltrovojn en iliajn orelojn.

Multo jam estas eltrovita, sed multego ankoraŭ estas eltrovota. Kaj do restas laboro por venontaj generacioj.

Ankoraŭ juna, en Sieno, mi observis kiel kelkaj konstrulaboristoj per aranĝo nova kaj pli efika de kabloj anstataŭigis miljaran rutinon pri movado de granitblokoj, post nur kvinminuta diskuto. Tie kaj tiam mi eksciis: la malnova tempo pasis, kaj venis nova tempo.

Baldaŭ la homo bone konos sian loĝlokon, la astron sur kiu li vivas. Kio estas skribita en la malnovaj libroj, tio ne plu sufiĉos al li.

Ĉar kie dum mil jaroj la kredo sidis, tie nun sidas la dubo. La tuta mondo diras: jes, ja, tion asertas la libroj, sed nun ni mem rigardu. Eĉ la plej gloraj veraĵoj ne plu estas netuŝeblaj; pri kio oni neniam dubis, pri tio oni dubas hodiaŭ.

Kaŭze de tio ekestis trablovo kiu levas eĉ la orbroditajn robojn de princoj kaj prelatoj, do kruroj grasdikaj kaj magraj iĝas videblaj, kruroj kiel niaj kruroj. Montriĝis ke la ĉieloj estas malplenaj. Pro tio eksplodis gaja ridado.

La forto de la akvo movas la modernajn ŝpinilojn, kaj en la ŝipkonstruejoj, en la ŝnuro- kaj velofarejoj kune laboras kvincent manoj en nova aranĝo.

Mi antaŭdiras ke ankoraŭ dum nia vivo oni konversacios en la bazaroj pri astronomio. Eĉ la filoj de la fiŝvendistinoj kuros al la lernejoj. Ĉar plaĉos al la reformavidaj homoj de niaj urboj ke la nova astronomio ne baras la movon de la tero. Ĉiam oni kredis ke la astroj estas fiksitaj al kristala volbaro, por ke ili ne falu. Nun ni kolektis kuraĝon kaj lasas ilin ŝvebi senapoge en libera aero, kaj ili rapidegas, same kiel niaj liberaj ŝipoj rapidegas. Kaj la tero gaje ruliĝas laŭ sia vojo ĉirkaŭ la suno, kaj fiŝvendistinoj, komercistoj, princoj, kardinaloj kaj eĉ la papo ruliĝas kune kun ĝi. Subite la universo perdis sian centron, same subite ĝi ekhavis nombregon da centroj. Sekve ĉiu nun estas konsiderata kiel centro, kaj neniu. Ĉar estas multe da spaco.

Niaj ŝipoj veturas malproksimen, niaj astroj ruliĝas malproksime en la universo, nuntempe eĉ la turoj de la ŝakludo transsaltas ĉiujn fakojn. Kiel diras la poeto? "Aŭroro de l' epoko nova!"

**Andreo** "Aŭroro de l' epoko nova!
Zefir' de bordo fora
Alvenis nun al ni."

Kaj prefere vi jam trinku vian lakton, ĉar baldaŭ vizitantoj alvenos nun al ni.

**Galilei** Kion mi diris al vi hieraŭ, ĉu tion vi nun komprenas?

**Andreo** Kion? Ĉu tion pri tiu Kiperniko kaj lia rondirado?

**Galilei** Jes.

**Andreo** Ne. Kial vi volas ke mi tion komprenu? Estas tre malfacile, kaj en oktobro mi havos nur dek-unu jarojn.

**Galilei** Mi deziras ke ĝuste ankaŭ vi tion komprenu. Por ke oni ĝin komprenu, mi laboras kaj aĉetas tiujn multekostajn librojn, anstataŭ pagi la laktiston.

**Andreo** Sed mi ja vidas la sunon vespere en alia loko ol matene. Do neeble ke ĝi senmove staras! Neniel! Neniam!

**Galilei** Vi vidas! Kion vi vidas? Nenion vi vere vidas. Vi nur gapas. Gapi ne egalas vidi. *Li metas la feran stativon de la lavopelvo en la mezon de la ĉambro.* Do jen, tio estas la suno. Eksidu. *Andreo sidiĝas sur la ununuran seĝon. Galilei staras malantaŭ li.* Kie troviĝas la suno, ĉu dekstre aŭ maldekstre?

**Andreo** Maldekstre.

**Galilei** Kaj kiel ĝi iros dekstren?

**Andreo** Se vi portos ĝin dekstren, kompreneble.

**Galilei** Ĉu nur tiel? *Li levas lin kune kun la seĝo kaj faras kun li duonan turniĝon.* Kie nun troviĝas la suno?

**Andreo** Dekstre.

**Galilei** Kaj ĉu ĝi moviĝis?

**Andreo** Tamen ne.

**Galilei** Kio moviĝis?

**Andreo** Mi.

**Galilei** *kriegas.* Malĝuste! Stultulo! La seĝo!

**Andreo** Sed mi kun ĝi!

**Galilei** Kompreneble. La seĝo estas la tero. Kaj vi sidas sur ĝi.

**S-ino Sarti** *envenis por ordigi la liton. Ŝi estas spektinta la lastan okazintaĵon.* Diru,

Galileo Galilei (1562-1642)



kion vi faras kun mia filo, sinjoro Galilei?

**Galilei** Mi instruas al li vidi, Sarti.

**S-ino Sarti** Ĉu portante lin tra la ĉambro?

**Andreo** Lasu nin, panjo. Tion vi ne komprenas.

**S-ino Sarti** Ĉu? Sed vi komprenas, ĉu ne? – Juna sinjoro kiu deziras lecionojn. Tre bone vestita, donis rekomendan leteron. *Transdonas ĝin.* Vi konfuzos mian Andreon eĉ tiom ke li asertos ke duoble du estas kvin. Jam nun li intermiksas ĉion kion vi diras al li. Hieraŭ vespere li eĉ pruvis al mi ke la tero rondflugas ĉirkaŭ la suno. Li estas firme konvinkita ke iu sinjoro Kiperniko elkalkulis tion.

**Andreo** Ĉu ne vere tiu Kiperniko elkalkulis tion, sinjoro Galilei? Vi ĝin diru al ŝi.

**S-ino Sarti** Ĉu vere, ĉu vere vi rakontas al li tian sensencaĵon? Ĝis kiam li babilos pri tio en la lernejo kaj venos la sinjoroj pastroj al mi, ĉar li eldiras nur malsanktaĵojn. Vi devus honti, sinjoro Galilei.

**Galilei** *manĝante.* Surbaze de niaj esploroj, sinjorino Sarti, kaj post vigla diskuto Andreo kaj mi faris malkovrojn pri kiuj ni ne plu povas silenti antaŭ la mondo. Nova tempo venis, kaj en tiu grandioza epoko la vivo estas ĝojo.

**S-ino Sarti** Hm! Espereble ni povos pagi la laktiŝton en tiu nova tempo, sinjoro Galilei. *Montrante al la rekomenda letero.* Faru al mi la nuran komplezon ne forsendi ankaŭ lin. Mi pensas pri la ŝuldo al la laktisto. *Foriras.*

**Galilei** *ridante.* Vi lasu min almenaŭ trinki mian lakton. *Al Andreo.* Tamen ni do ion komprenis hieraŭ.

**Andreo** Mi ĝin nur diris al ŝi por ke ŝi miru. Sed ĝi ne estas ĝusta. La seĝon kun mi vi turnis nur flanken, kaj ne tiel ĉi. *Li perbrake signas klinon al antaŭe.* Alie mi ja falus, kaj tio estas fakto. Kial vi ne turnas la seĝon antaŭen? Ĉar tiam estus pruvite ke mi ankaŭ falus de sur la tero, se ĝi tiel turniĝus. Jen via problemo.

**Galilei** Mi ja pruvis al vi...

**Andreo** Sed la pasintan nokton mi trovis ke se la tero tiel turniĝus mi pendus kun la kapo sube. Kaj tio estas fakto.

**Galilei** *prenas pomon de sur la tablo.* Do, jen la tero.

**Andreo** Ne uzu daŭre ekzemplojn, sinjoro Galilei. Tiamaniere vi ĉiam sukcesas.

**Galilei** *remetante la pomon.* Nu, bone.

**Andreo** Per ekzemploj oni ĉiam povas sukcesi, se oni estas ruza. Sed mi ne kapablas porti mian patrinon en seĝo tra la ĉambro kiel vi min. Jen vi vidas kiel malbona la ekzemplo. Kaj kio estus, se la pomo estus la tero? Nenio estus!

**Galilei** *ridas.* Vi ja ne volas scii.

**Andreo** Bonvolu preni denove la pomon. Kial mi ne pendas kun la kapo sube dum la nokto?

**Galilei** Do jen la tero, kaj ĉi tie vi staras. *Li puŝas en la pomon spliton prenitan de ĉeforna ŝtipo.* Kaj nun la tero turniĝas.

**Andreo** Kaj nun mi pendas kun la kapo sube.

**Galilei** Ĉu? Rigardu precize. Kie estas la kapo?

**Andreo** *montras ĉe la pomo.* Tie. Sube.

**Galilei** Ĉu? *Li retroturnas la pomon.* Ĉu la kapo vere ne plu troviĝas en la sama pozicio? Ĉu la piedoj ne plu estas sube? Ĉu, se mi turnas, vi eble staras tiel? *Li eltiras la spliton kaj ĝin inversigas.*

**Andreo** Ne. Kaj kial mi tute ne rimarkas la turniĝon?

**Galilei** Ĉar vi kunturniĝas. Vi kaj la aero super vi kaj ĉio kio troviĝas sur la globo.

**Andreo** Kaj kial ŝajnas ke la suno rondiras?

**Galilei** *denove turnas la pomon kun la splito.* Do sube de vi troviĝas la tero, ĝi ne ŝanĝiĝas, ĝi restas sube kaj rilate al vi ĝi ne moviĝas. Sed nun rigardu supren. La lampo troviĝas super via kapo, sed nun, post kiam mi turnis, kio nun troviĝas super via kapo, do supre?

**Andreo** *partoprenas en la turniĝo.* La forno.

**Galilei** Kaj kie troviĝas la lampo?

**Andreo** Sube.

**Galilei** Aha!

**Andreo** Tio estas bela, pri tio ŝi miros.

*Ludoviko Marsili, riĉa junulo, envenas.*

**Galilei** Homoj svarmas ĉi tie kiel kolomboj ĉirkaŭ kolombejo.

**Ludoviko** Bonan matenon, sinjoro. Mi nomiĝas Ludoviko Marsili.

**Galilei** *studante lian rekomendan leteron.* Vi vojaĝis al Amsterdamo…

**Ludoviko** Kie mi aŭdis multe pri vi, sinjoro Galilei.

**Galilei** Via parencaro posedas bienojn en Kampanio…

**Ludoviko** Mia patrino deziris ke mi iomete ĉirkaŭrigardu kio okazas en la mondo kaj tiel plu.

**Galilei** Kaj en Amsterdamo vi aŭdis ke en Padovo okazas mi.

**Ludoviko** Kaj ĉar mia patrino deziras ke mi ĉirkaŭrigardu ankaŭ en la sciencoj…

**Galilei** Privata instruo: po dek eskudojn monate.

**Ludoviko** Konsentite, sinjoro.

**Galilei** Pri kio vi interesiĝas?

**Ludoviko** Pri ĉevaloj.

**Galilei** Aha!

**Ludoviko** Mi ne havas kapon por la sciencoj, sinjoro Galilei.

**Galilei** Aha! Sub tiuj cirkonstancoj: po dekkvin eskudojn monate.

**Ludoviko** Konsentite, sinjoro Galilei.

**Galilei** Mi devos okupiĝi pri vi frumatene. Tio damaĝas vin, Andreo. Kompreneble, vi devos cedi, ĉar vi ja pagas nenion.

**Andreo** Mi jam foriras. Ĉu mi rajtas preni la pomon?

**Galilei** Jes.

*Andreo foriras.*

**Ludoviko** Vi bezonos paciencon pro mi. Precipe ĉar en la sciencoj ĉio montriĝas alia ol diras al ni la sana homa racio. Bonan ekzemplon prezentas tiu stranga tubo kiun oni vendas en Amsterdamo. Mi ĝin ekzamenis detale. Unu tubo el verda ledo kaj du lensoj, unu tia *li geste prezentas konkavan lenson*, la alia tia *li geste prezentas konveksan lenson.* Mi aŭdis ke unu lenso pligrandigas kaj la alia malgrandigas. Ĉiu racia homo supozas ke ili kompensas unu la alian Erare. Oni vidas ĉion kvinoble pligrandigita tra tiu tubo. Jen via scienco.

**Galilei** Kion oni vidas kvinoble pligrandigita?

**Ludoviko** Turopintojn de preĝejoj, kolombojn; ĉion malproksiman.

**Galilei** Ĉu vi mem vidis pligrandigitajn turopintojn?

**Ludoviko** Jes, sinjoro.

**Galilei** Kaj ĉu tiu tubo entenis du lensojn? *Li skizas sur paperfolio.* Ĉu tiel aspektis? *Ludoviko kapjesas.* Kiun aĝon havas tiu invento?

**Ludoviko** Mi kredas ke ĝi aĝis nur kelkajn tagojn, kiam mi forvojaĝis de Amsterdamo, ĝi almenaŭ ne estis jam pli longe aĉetebla.

**Galilei** *preskaŭ amike.* Kaj kial vi elektis fizikon? Kial ne bredadon de ĉevaloj?

*Envenas sinjorino Sarti, ne rimarkite de Galilei.*

**Ludoviko** Mia patrino opinias ke oni bezonas iom da scienco. Hodiaŭ ĉiu trinkas sian vinon kun scienco, ĉu ne?

**Galilei** Same bone vi elektus lingvon mortan aŭ teologion. Tio estas pli facila. *Li ekvidas sinjorinon Sarti.* Bone, vi venu marde frumatene.

*Ludoviko foriras.*

**Galilei** Ne rigardu tiel al mi. Mi ja akceptis lin.

**S-ino Sarti** Ĉar ĝustatempe vi vidis min. – La dekano de la universitato atendas ekstere.

**Galilei** Enkonduku lin; li estas grava. Eble tio signifas kvincent eskudojn. Tiukaze mi ne plu bezonas lernantojn. *Sinjorino Sarti enkondukas la dekanon. Galilei plene vestis sin, dume haste skribante ciferojn sur papereto.* Bonan matenon, bonvolu prunti al mi duonan eskudon. *La moneron kiun la dekano elfosas el sia monujo, li donas al sinjorino Sarti.* Sarti, Andreo iru al la okulvitristo por aĉeti du lensojn, jen la mezuroj.

# VIVO DE GALILEI

*Sarti foriras kun la papereto.*

**La dekano** Venas mi koncerne petskribon vian pri altigo de via salajro ĝis mil eskudoj. Bedaŭrinde mi ne povas tion rekomendi al la universitato. Vi scias ke la universitato ne altiras multajn studentojn pere de matematikaj kursoj. Matematiko estas arto sen profito, se licas tiu esprimo. Ne konkludu ke la Respubliko ne aprezas ĝin super ĉio. Ĝi certe ne estas tiel necesa kiel la filozofio, nek tiel utila kiel la teologio, sed al siaj ekspertoj ĝi donacas delicojn senfinajn!

**Galilei** *super siaj paperoj.* Mia kara, por mia vivteno kvincent eskudoj ne sufiĉas.

**La dekano** Sed, sinjoro Galilei, vi lekcias dufoje semajne po du horojn. Via eksterordinara famo certe havigas al vi iom ajn da lernantoj kiuj kapablas pagi por privata instruo. Aŭ ĉu vi ne havas privatajn lernantojn?

**Galilei** Sinjoro, mi havas tro multajn. Mi instruas, instruadas, kaj kiam mi mem povus lerni? Pia homo, mi ne estas tiel supersaĝa kiel la sinjoroj de la filozofia fakultato. Mi estas malsaĝa. Mi komprenas vere nenion. Sekve mi nepre devas ŝtopi la truojn en mia scio. Kaj kiam mi povus fari tion? Kiam mi povus esplori? Sinjoro, mia scienco ankoraŭ soifas scion! Pri la plej grandaj problemoj ni havas hodiaŭ nenion krom hipotezoj. Sed ni mem postulas ke ni pruvu. Kaj kiel mi povus progresi, se mi – nur por teni iranta mian mastrumaĵon – devas al ĉiu malplenkapulo pagipova pene enkapigi ke paralelaj rektoj sin intertranĉas en la infinito.

**La dekano** Probable la Respubliko ne pagas tiom kiom iuj princoj, sed nepre ne forgesu ke aliflanke ĝi garantias liberan esploradon. Ni, en Padovo, ni akceptas eĉ protestantojn kiel studentojn! Ni eĉ doktorigas ilin. Sinjoron Cremonini ni ne nur ne transdonis al la Inkvizicio, kiam oni pruvis al ni, pruvis, sinjoro Galilei, ke li eldiras herezaĵojn, sed ni eĉ asignis al li plialtiĝon de la salajro. Ĝis en Holando oni konas Venecion kiel la respublikon kie la Inkvizicio havas neniun potencon. Kaj tio certe gravas por vi, ĉar vi ja estas astronomo, do aktiva en profesio kiu jam sufiĉe longe ne plu estimas kun deca respekto la dogmojn de la Eklezio!

**Galilei** Sinjoron Giordano Bruno vi transdonis al Romo. Ĉar li diskonigis la doktrinon de Koperniko.

**La dekano** Ne pro tio ke li diskonigis la doktrinon de sinjoro Koperniko, cetere doktrinon eraran, sed pro tio ke li ne estis veneciano kaj ankaŭ ne havis postenon ĉi tie. Vi do lasu la punbruligiton ekster la afero. Cetere, malgraŭ ĉiu libereco, la nomon sur kiu kuŝas la eksplicita anatemo de l' Eklezio, vi prefere ne diskriu laŭte, ankaŭ ne ĉi tie, eĉ ne ĉi tie.

**Galilei** Via protekto de la libereco de ideoj estas bona negoco, ĉu ne? Aludante ke aliloke regas kaj bruligas la Inkvizicio, ĉi tie vi etkoste kaptas bonajn profesorojn. Rekompence al via protekto kontraŭ la Inkvizicio oni devas akcepti la plej malaltajn salajrojn.

**La dekano** Nejuste! Nejuste! Kion utilus al vi iom ajn da libera tempo por esplori, se iu ajn malklera monaĥo de la Inkvizicio povus simple

### PRI LA TRADUKINTO



Adriaan den HAAN, naskiĝis en 1938, esperantistiĝis en 1952 dum sia gimnazia tempo. Li aktivis en la tiama nederlanda TEJO-movado, i.a. kunredaktis ĝian organon *Trumpeto*, aranĝis semajnfinojn, kunorganizis la kongreson en Roterdamo 1960.

Unu jaron antaŭe li konatiĝis en la TEJO-kongreso en Dancigo kun sia onta edzino Anita, nepino de Richard LERCHNER, la fama SAT-administranto el Lejpcigo en la dudekaj jaroj.

Estante filologo de la nederlanda lingvo, Den Haan panlaboris multajn jarojn kiel ĉefredaktoro de la nederlanda Ŝtatĵurnalo

Ĉiam li okupiĝis pri la beletristiko kaj pli kaj pli li direktis sin al la germana literaturo. Bertolt BRECHT apartenas al liaj preferataj verkistoj. Nun li estas finanta la tradukon de lia dramo *Vivo de Galilei*, ĉar nepre necesas, laŭ liaj vortoj, teatraĵoj de la granda germano en Esperanto.

*E. B.*

prohibi viajn ideojn. Neniu rozo sen dornoj, neniu monarko sen monaĥoj, sinjoro Galilei!

**Galilei** Kaj kion utilas libera esploro sen libera tempo por esplori? Kio okazas rilate la rezultojn? Eble vi foje montru al la Senjoroj ĉi tiujn esplorojn pri la leĝoj de la libera falo *li montras al fasko da manuskriptoj* kaj demandu ĉu ili ne valoras kelkajn pliajn eskudojn!

**La dekano** Senfine pli ili valoras, sinjoro Galilei.

**Galilei** Ne senfine pli, sed kvincent eskudojn pli ili valoras, sinjoro.

**La dekano** Eskudojn nur valoras, kio naskas eskudojn. Se vi deziras monon, vi devas prezenti ion alian. Por la scio kiun vi volas vendi, vi povas postuli nur tiom, kiom ĝi utilas al la aĉetanto. Ekzemple, la filozofio kiun sinjoro Colombe vendas en Florenco, alportas al la princo minimume dekmil eskudojn jare. Viaj leĝoj de la falo kaŭzis bruon, certe. Oni aplaŭdas vin en Parizo kaj Prago. Sed la aplaŭdantoj ne pagas al la Padova universitato kion vi kostas al ĝi. Via malbonŝanco estas via profesio, sinjoro Galilei.

**Galilei** Mi komprenas: libera komerco, libera esploro. Esplorado estas komerca varo, ĉu ne?

**La dekano** Sinjoro Galilei! Kia ideo! Permesu al mi diri ke mi ne tute komprenas viajn burleskajn komentojn. La prospera komerco de la Respubliko tute ne ŝajnas al mi afero malestiminda. Kaj kiel longjara dekano de la universitato mi absolute ne kapablus paroli pri la esploro kun tiu – ĉu licas la esprimo? – frivola tono. *Dum Galilei direktas sopirajn rigardojn al sia labortablo.* Vi pripensu la situacion ĉirkaŭe! La sklavecon sub kies skurĝo la sciencoj ĝemas en iuj lokoj! Tie oni faris skurĝojn el antikvaj lede binditaj foliantoj. Tie oni ne bezonas scii kiel la ŝtono falas, sed kion Aristotelo skribas pri tio. La okulojn oni nur havas por legi. Pro kio novaj leĝoj de la libera falo, se nur gravas la sklava falo antaŭ la piedojn de la potenculoj? Komparu kun tio la senfinan ĝojon de nia Respubliko, kiam ĝi ekkonas viajn ideojn, kiom ajn aŭdacajn laŭ via plaĉo! Ĉi tie vi povas esplori! Ĉi tie vi povas labori! Neniu kontrolas vin, neniu opresas vin! Niaj komercistoj, sciantaj kion signifas pli bona tolo en la konkurenca batalo kontraŭ la florencanoj, aŭdas kun intereso vian alvokon "Pli bonan fizikon", kaj kiom la fiziko ŝuldas pro la voko por pli bonaj teksiloj! Niaj plej eminentaj civitanoj interesiĝas pri viaj esploroj, vizitas vin, petas ke vi prezentu viajn eltrovojn, viroj kies tempo estas kara. Ne malestimu la komercon, sinjoro Galilei. Ĉi tie neniu tolerus eĉ malgrandan impedon al via laboro aŭ ian baron kaŭzitan de nekompetentuloj. Koncedu, sinjoro Galilei, ke ĉi tie vi povas labori!

**Galilei** *senespere.* Jes.

**La dekano** Kaj koncerne la financon: faru denove ion ĉarman kiel vian mirindan proporciilon, per kio matematika laiko kapablas *li nombras laŭ siaj fingroj*: mezuri liniojn, kalkuli la akumuliĝantan interezon de kapitalo, kopii la planojn de parceloj laŭ pligrandigita aŭ malpligrandigita skalo kaj determini la pezon de kanonkugloj.

**Galilei** Dirlididi. Ludilo!

**La dekano** Kio ravis kaj mirigis la plej moŝtajn sinjorojn kaj kio alportis monan profiton, ĉu vi tion simple nomas ludilo? Mi aŭdis ke per tiu instrumento eĉ generalo Stefano Gritti kapablas trovi la radikojn de nombroj.

**Galilei** Vera miraklo! – Tamen, Priuli, vi pensigis min. Priuli, mi verŝajne havas ion tiaspecan. Li levas la folion kun la skizo.

**La dekano** Ĉu? Tio estus la solvo. *Ekstaras.* Sinjoro Galilei, ni scias ke vi estas granda viro. Granda, sed malkontenta, se licas la esprimo.

**Galilei** Jes, mi estas malkontenta, kaj ĝuste pro tio vi venecianoj pagus aldone, se vi estus saĝaj. Ĉar mi estas malkontenta pri mi mem. Sed vi kaŭzas ke mi ne povas esti kontenta pri vi. Mi koncedas, veneciaj sinjoroj, ke miajn taskojn en via fama Arsenalo kaj en la ŝipfarejoj mi plenumas kun plezuro. Sed vi ne lasas al mi tempon por serioze esplori la spekulativajn ekideojn kiuj tie altrudas sin al mi kaj al mia scienco. Al la bovo tie draŝanta vi fermas la buŝon. Mi havas kvardek-ses jarojn, kaj mi efektivigis nenion kio min kontentigas.

**La dekano** Tiukaze mi prefere ne plu ĝenu.

**Galilei** Dankon.

# VIVO DE GALILEI

*La dekano foriras. – Galilei, sola dum momento, eklaboras. Tiam Andreo venas kure.*

**Galilei** *laborante.* Kial vi ne manĝis la pomon?

**Andreo** Per ĝi mi ja pruvos al panjo ke ĝi turniĝas.

**Galilei** Mi devas ion diri al vi, Andreo: ne parolu al aliaj homoj pri niaj ideoj.

**Andreo** Kial ne?

**Galilei** La aŭtoritato malpermesis.

**Andreo** Sed ja estas la vero.

**Galilei** Tamen malpermeso. – Kaj krome, ĉi-kaze ni fizikistoj ankoraŭ ne povas pruvi kion ni kredas vera. Eĉ la doktrino de la granda Koperniko ne estas jam pruvita. Ĝi estas nur hipotezo. Donu al mi la lensojn.

**Andreo** La duona eskudo ne sufiĉis. Mi devis lasi mian mantelon. Kiel garantiaĵon.

**Galilei** Sed kiel elteni la vintron sen mantelo?

*Paŭzo. Galilei aranĝas la lensojn sur la folio kun la skizo.*

**Andreo** Kio estas hipotezo?

**Galilei** Tio estas, ke oni supozas ion verŝajna, sed malhavas faktojn. Ke Feliĉa, kiu sidas tie, antaŭ la butiko de la korboplektisto, kun sia bebo ĉe la brusto, donas lakton al la infano kaj ne ricevas lakton de ĝi, estas nur hipotezo, se oni ne povas iri al ŝi por vidi kaj pruvi. Se temas pri la astroj ni estas vermoj kun malfortaj okuloj, kiuj vidas nur tre malmulte. La malnovaj doktrinoj, kredataj dum mil jaroj, estas tute kadukaj; por tiuj gigantaj konstruaĵoj oni bezonis malpli da ligno ol por iliaj apogiloj kiuj nun tenu ilin kvazaŭstabilaj. Multaj leĝoj kiuj malmulton klarigas, kontraŭe la nova hipotezo havas malmultajn leĝojn kiuj multon klarigas.

**Andreo** Sed vi ĉion pruvis al mi.

**Galilei** Nur ke tia povas esti. Vi komprenu: la hipotezo estas tre bela, kaj nenio ĝin kontestas.

**Andreo** Volonte ankaŭ mi fariĝus fizikisto, sinjoro Galilei.

**Galilei** Tion mi kredas, vidalvide al la amaso da solvendaj problemoj sur nia kampo. *Li iris al la fenestro kaj rigardis tra la lensoj, ne tre interesite.* Nu, Andreo, rigardu tra ĉi tiu tubo.

**Andreo** Sankta Maria, ĉio alproksimiĝas. La sonorilo en la kampanilo estas tre proksima. Mi kapablas eĉ legi la kuprajn literojn: GRACIA DEI.

**Galilei** Per tio ni enspezos kvincent eskudojn.

(daŭrigota)

*tradukis Adriaan DEN HAAN*
el *Leben des Galilei* de Bertolt Brecht

### Tradukante teatraĵon de Brecht

Tradukante Brechtan teatraĵon oni renkontas specifajn problemojn, precipe pro la vigla, varia stilo, kiu celas kaj atingas plejan surscenan efekton. La spektantojn (kaj legantojn) fascinas verva rezonado, ironio, hiperboloj, absurdaĵoj, surprizaj ŝanĝiĝoj de stila atmosfero (jen poezia, jen vulgara, jen kabareda, jen Biblia...). La tradukanto rekonu kaj ĝuu ĉion ĉi, kaj kompreneble li trovu esperantajn ekvivalentojn.

Sed etna lingvo disponas vortprovizon kaj esprimaron multe pli riĉajn ol povus disponi juna lingvo (kiel Esperanto). Etnalingva aŭtoro ĉerpas el tiu trezoro, prave fidante ke liaj samlingvanoj ĝuste perceptas kaj komprenas la plejparton de la stilaj rafinaĵoj, de la aludoj, de la semantikaj kaj emociaj valoroj kaj koloroj. La tradukanto en Esperanton persiste sed foje vane serĉas sinonimojn, adekvatan stilnivelon. Kaj se li kredas ke li trovis taŭgan sinonimon aŭ trafis la ĝustan stilon, li tuj dubu pri la percepto far siaj legontoj, precipe pri la percepto en teatro.

En *Vivo de Galilei*, ekzemple, la protagonisto preferas – ankaŭ kiam li instruas – la popolan tonon, sed aspirante favorojn de princoj aŭ prelatoj li kaĵolas per precioza, kortegana parolmaniero. Kaj ĝue li foje uzas biblian citaĵon aŭ parolturnon. Krome la ceteraj personoj en la scenaro parolas laŭ siaj deveno kaj socia klaso.

Mian tradukon (ankoraŭ nekompletan) de *Vivo de Galilei* mi ne konsideras definitiva. Bonvenaj do estas komentoj kaj konsiloj.

*Adriaan den HAAN*






# PROPRAJ NOMOJ... HEJMA ETOSO...

**ĝis la angla sub la influo de Esperanto!**

Maloftaj estas la tekstoj kiuj ne citas proprajn nomojn. Eĉ en matematikaj demonstroj oni referencas al GAUSS, EULER aŭ LEIBNIZ [lajbnits]...

En kiu ajn lingvo, la eventualaj propraj nomoj estas proksimume dekmiloble pli nombraj ol la komunaj vortoj.

Ni ekzamenu du okazojn:

**1•** Se la propraj nomoj estas sub latinalfabeta vesto, ili devas esti respektataj. Se nacilingvaj supersignoj ne estas reprodukteblaj, oni rezignu pri ili.

Tamen aldono de finaĵo eblas: LONDONO. Iom erara sed kutima: PARIZO. Alie, forlaso de PEKINO pro la PINYIN-sistemo kiu postulas BEIJINGO [pejtingo].

Kiam ni emas respekti la skribon, kun risko misprononci, tiam ni konservas la alfabetordajn listojn, do oni garantias pli facilan serĉadon.

**2•** Se la propraj nomoj estas sub alia alfabeto aŭ silabaro, ili estas transliteritaj laŭ internacia ortografio citita de Michel MALHERBE en *La Homaraj Lingvoj*[1], kiu forigas la diakritajn signojn:

ZHDANOV, KHRUSHCHEV (ZH KH SH CH)

FUJI SAN, WAKAYAMA (J W Y).

Atingite tiun paŝon, ni povas rekonsideri la punkton **1** kaj skribi:

ZHDANOVO, KHRUSHCHEVO

FUJIO aŭ FUJI-MONTO, WAKAYAMAO

laŭ la 'fama' Internacia Ortografio (IO).

Estus nelerte reŝanĝi tiujn rezultojn.

Ekzistas abismo inter tiu ortografio kaj la nia. Ekzemple, sub FHA[2]vesto:

FUGHI kolizias kun FUJI (GH sed J)

SENSENCAJHO kolizias kun ZHDANOVO (JH sed ZH)

Ni povus ĵaluzi la anglosaksojn. Ekzemple en reklamo por investi en ZAMBIO[3] ni legas pri

| | | |
|---|---|---|
| ĥajbara ZIMBABWE | kaj | WATER |
| Prezidento CHILUBA | kaj | CHIEF |
| Edward SHAMUTETE | kaj | EŜTABLISH |

Pro tiu kohereco en la uzo de W, CH kaj SH la leganto sentas hejman etoson. La propraj nomoj kaj la komunaj vortoj evidente uzas la saman ortografion. La lingvo aspektas en akordo kun la mondo.

Kial Esperanto ne konformus al la INTERNACIA ORTOGRAFIO kaj ne profitus la integradon de la ĉi-supraj nomoj? Tiam regus ia harmonio en la tekstoj.

Sed estus cedi al la angla influo!

دمشق

Q SH M(a) D(i)

Ĉu ekzemple SH estas tiom angla? Ĉu DIMASHQ estas angla skribo de la ĉefurbo de Sirio (AS-SURIYAH)? DIMASHQ estas la moderna translitero, dum la kutima angla nomo, latingrekdevena DAMASCUS, kun prononco [d.mask.s][4] tute malfidelas la araban.

SH apartenas al la FHA de Zamenhof. Ĝi eŝtas la ekskluziva digramo, kiu reprezentas tiun sonon. Male, la angla posedas diversajn aliajn ortografiojn:

NATION (TI), PISTACHIO (CH), SCHEDULE (SCH), VICIOUS (CI), PASSION (SS), FLUXION (XI), NIS (S fakte kun dukorna ĉapelo).

Do se Esperanto adoptus la Internacian Ortografion, oni ĉie parolus pri esperanta ortografio ĉar regula, kaj neniam plu pri angla ortografio. Esperanto iĝus vera, firma, internacia referenco.

Fakte post kelkaj jaroj, kiu imagus, ke regula lingvo kopiis neregulan? Do tiam, kiuj timis la usonan hegemonion, tiuj eĉ povus baldaŭ aserti, ke la angla cedis al la Esperanta influo!

*Jean DOUBLET*

1. *Les Langages de l'Humanité* , Robert Laffont, *Collection Bouquins* 1995. Pli ol 1700 p. Vidu p11, 477 kaj ekz. 1604. (Troviĝas Esperanto-sekcio en p809-817).
2. FHA = Fundamenta Help-Alfabeto (ch, gh, hh, jh, sh, u) trovebla en la unua parto (*Alfabeto*) de la *Fundamenta Gramatiko*.
3. *Time* – la 6sep99. N° 10, vol 154. Paĝo 63.
4. La punkto [.] signas neŭtralan senakcentan sonon kiel la E en *THE MASK* [dh.mask].

# DEBATOJ



**Fernando DE DIEGO**

APLOMBI SENPRUVE

En *Lingva Arto* (eldonita omaĝe al Marjorie BOULTON kaj William AULD) brilas per propra lumo la artikolo de Ljubomir TRIFONĈOVSKI *William Auld kaj Literatura Foiro.*

El tiu artikolo nur du alineoj rekte tuŝas min, kaj al ili mi devas reagi. Jen la pecoj:

"*Literatura Foiro* lojale invitis William Auld respondi sur la paĝoj de la revuo, al la kalumnia verko *La degenero de William Auld* de Fernando de Diego. En numero 94/decembro 1985 aperis la respondo de Auld en kiu li i.a. skribis: *la disvastiĝo de kalumnioj sub masko de artaj verkoj estas ofendo ne nur al la atakito sed al la tuta Esperanto-popolo kaj al la sento mem de justeco.* Ankaŭ nun, post dek kvin jaroj, tiuj vortoj de Auld sonas aktuale."

"La respondo de Auld vekis replikon de De Diego kaj komentarion de Humphrey Tonkin en sekva numero 97/junio 1986 de *Literatura Foiro.* Tonkin skribas: *Nia Esperanto-movado daŭre suferas pro tiuj, kiuj tro facilanime fajlas siajn dentojn anstataŭ fajli siajn argumentojn. Mi opinias, ke tiu estas malĝusta vojo por plibonigi nian kulturon kaj literaturon.*"

La bombasta retorikaĵo de Auld kaj la "dento-fajlado" de Tonkin ricevis adekvatan replikon en mia *Ankoraŭ pri la degenero de Auld (Pri recenzo kaj ties sekvoj)* aperinta en 1987.

Sed la aplomban aserton de s-ro L. T.: "*La degenero de William Auld* estas kalumnia verko" mi ne devas ignori, konsiderante krome ke ĝi aperas en la omaĝa libro eldonita de U.E.A.

S-ro L. T., mi supozas, ke vi prezentos nerefuteblan pruvon pri la kalumnieco de pli ol cent ekzemploj de fuŝoj kaj misuzoj eltiritaj specimene, ne elĉerpe, el la Aulda traduko *Montara Vilaĝo*, kaj prezentitaj en mia recenza broŝuro *La degenero de William Auld.*

Mi supozas ankaŭ, ke vi pruvos same kalumnia kion mi skribis pri Auld en la menciita broŝuro:

"Absolute nenion mi havas kontraŭ William Auld. Mi ja sentas al li profundan dankon, ĉar en diversaj momentoj de mia esperantista vivo li stimulis kaj konsilis min, kaj ĉar multan belon kaj profiton mi eltiris el kelkaj liaj libroj. Sed mi perfidus min mem, se mi ne protestus energie kontraŭ ĉi *Montara Vilaĝo* ĉar ĝi, per unu sola bato, ŝancelas la seriozon de la tradukinto."

Mi same supozas, ke vi pruvos kalumnia la titolon de la recenza broŝuro, kvankam oni ne bezonas multan talenton por kompreni, se oni volas kompreni, ke, jam de la unua paĝo, "degenero" ne uziĝas kun pejorativa senco, sed kiel sinonimo de 'dekadenco'.

S-ro L. T., en mia jam menciita *Pri recenzo kaj ties sekvoj* mi skribis:

"... se iam oni pruvos, refutante ekzemplon post ekzemplo el mia recenzo, ke mi plene eraris en la takso de la versio de Auld, tiam mi publike konfesos ke mi kalumniis lin, publike petos pardonon kaj honte kaj pied-pinte forlasos esperanton kaj eĉ la ĉeeston de la civilizitaj homoj."

Pasis de tiam pli ol dek jaroj kaj nek Auld, nek iu ajn alia, alfrontis la defion. Anstataŭe, kelkaj liaj amikoj preferis reagi per nur krudaj insultoj. Por ekzemplo, en *Esperanto en Skotlando*, n-ro 144, aperis vera perlo ŝuldata al la inspiro de A. GOODHEIR, dolĉ-anima poeto kaj granda amiko de Auld. Nu, Goodheir (Dio tenu lin en la gloro) regalis min per delikataj epitetoj: sibla reptilio, hundo, nedezirinda hom-tipo kaj aldonis, kiel finan salvon, ke mia vojo al la famo estas mordemo, plus malamo, plus envio.

Evidentas ke, por kelkaj personoj, 'degenero' estas ĉiusence kalumnia, sed ne la impona serio da goodheiraj ĝentilaĵoj.

S-ro Ljubomir Trifonĉovski, ĉefredaktoro de *Literatura Foiro*, mi esperas, ke vi sukcesos pruvi vian akuzon de kalumnio. Ĉar se vi ne sukcesos, kiu estos la kalumnianto?

## LA SEKSO DE KOMPUTERO

En Usono, grupo da viroj kaj grupo da virinoj respondis al demando: "Se vi devus atribui sekson al komputero, kiu ĝi estus?"

La virinoj respondis, ke ĝi estus vira ĉar:

– por kapti ĝian atenton oni devas ŝalti ĝin;

– ĝi entenas multe da informoj sed nenian imagopovon;

– laŭdire ĝi helpas vin, sed plejofte komplikas la situaciojn;

– tuj kiam vi ligiĝis al unu, vi malkovras, ke se vi estus iom paciencinta, vi nun povus akiri multe pli konvenan modelon.

La viroj opiniis, ke komputero estas nepre ina, ĉar:

– neniu komprenas ĝian internan logikon;

– kiam ĝi komunikiĝas kun similulo, ĝia lingvaĵo fariĝas nekomprenebla;

– la plej eta eraro estas konservata en memoro kaj reaperos ĉe la plej maloportuna okazo;

– tuj kiam vi ligiĝas al unu, vi elspezas la duonon de via salajro por akcesoraĵoj.

*JOHAN LUKO*



## ĈU VI JAM SCIAS...?



### Pri ĵurnalistoj... ke

... laŭ RSF (Riportistoj sen landlimoj), dum la jaro 1999a:

- 36 ĵurnalistojn oni mortigis dum ekzercado de ilia profesio. Dum la antaŭa jaro tiel mortis 'nur' 19.
- 450 ĵurnalistojn oni arestis. Ekzemple, en Kubo, oni arestis 50 kaj ekzilis 4.
- 84 ĵurnalistojn oni enkarcerigis. Ekzemple en Birmo, inter 13 aliaj, sidas en karcero, jam de 1994a, San San Nweh, RSF-premiito.
- 653 ĵurnalistojn oni atakis aŭ minacis dum ekzercado de ilia profesio. Ekzemple en Turkio oni torturis 4 kaj agresis 26.
- 357 informoperiloj estis cenzure premitaj. Ekzemple, en Serbio, trideko da periloj estis monpunitaj je entute 1,7 milionoj da eŭroj.
- en 28 landoj, el la 188 kunsidantaj en Unuiĝintaj Nacioj, la gazetaraj liberoj apenaŭ ekzistas; la liberoj estas tre limigitaj en 65; kaj, por fini optimisme, en 95 landoj la libero de la gazetaro ŝajnas akceptinda malgraŭ neeviteblaj maskitaj premprovadoj.

*Reporters sans frontières*
5 rue Geoffroy-Marie, 75009 Paris, Francio
Web: www.rsf.fr – Email: rsf@rsf.fr



### Pri OSIEK... ke



... alvenis pliaj proponoj por la premio 2000:

- Antonio Marco BOTELLA por *Lirikaj perloj de El-Andalus*
- Roman DOBRZYNSKI por *Mazi en Gondolando*, videokurso
- Gilbert LEDON por *La kolektiveco*
- Carlo MINNAJA por *Vocabolario Italiano-Esperanto*

Jam estis proponitaj (*LG*86) William AULD, Pastro Ulrich Hatto von HATZFELD, Sergej POKROVSKIJ, Harald SCHICKE, Trevor STEELE, Eli URBANOVÁ, Bertil WENNERGREN.

Ne forgesu sendi viajn proponojn, antaŭ 15maj00, se vi estas OSIEK-ano. Se vi ne estas membro de la societo, sciu ke la aliĝo egalvaloras nur 25 poŝtmarkojn por sendi leteron en via lando.

Madeleine de Zilah, La Gazeto, FR-55210 Creuë




# NOPALOJ KAJ AGAVOJ

*Por Miguel Fernández*

Ni vidis tra fenestro de la trajno el Barcelona iajn tigojn pli gigantajn ol sunfloroj kun pendantaj flavaj floraroj kiel *art nouveau* lanternoj. Kaj revidis ilin ĉe la "seka rivero" (vere tia) en Castellón.

Oranĝarbustojn ni facile rekonis, eĉ se la kreskantaj fruktoj estis verdaj: ie-tie sur la tero kuŝis ĝustakoloraj nekolektitaj buloj, multe malpli elegantaj ol en norda superbazaro. Nu, kiel pomoj en la nordo...



Kaj aliflanke de l' ŝoseo trans la seka rivero staris cipresoj inter blanka muro kaj montaro: supozeble tombejo. Kaj la gloraj blupurpuraj flortrumpetoj, fermitaj vespere, ŝajnas iaj konvolvuloj. Sed novarta stratlanterno restis mistero: la tigo kreskas kvazaŭ el kakto...

Nu, ni povis preterpasi kun pli lokaj homoj. Ili trovis la rubusojn pli interesaj, sed hezitis uzi tiun preskaŭ fakvorton: eble mi ne konas. Mankavo da ne tre bongustaj beroj – dum ni plukas elektitajn ĉiutage...

La mistera planto estas 'agavo'. La tigo kreskas kiam ĝi tuj mortos. 'Jen pli junaj,' oni diras: efektive la folia fasko sub la tigo aspektas jam putranta...

Ne tro longa deflankiĝo laŭ la seka rivero. Strateto dekstren tuj kondukas al la kongresejo. Preter dialogoj de studentoj: "Granda libera Hispanio imperia!" – "Merdon!" – "Separatisto, via malamo forĝas nian amon!" – "Ne! al hispaneco!"...

Magra kato sidas en la pordo de lignosegejo.

Sed kion diri pri l' urbeto mem, la centro? Mi fotus jen kradon, jen pordon, jen tutan fasadon, jen kahelan porcelankvadraton, jen foliojn kiuj pendas el balkono – sed multe multaj faris tion jam.

Aŭ notus la sinsekvon: jen ornamaj kadroj de fenestroj ĉe preĝejo, jen simplaj arkoj de modesta domo apude, kun kahela sunhorloĝo – ĉu do filmi?

Ne, mi devas fronti pli personan taskon: observi la sinsekvon de rimarkoj, kiel oni preterpasas kaj nur sekvan fojon vidas. Se mi serĉas librojn, temas do pri disciplino por streĉi atenton – kaj trovi ion kio 'restos' ligita kun urbo (dum velkos impresoj, dum fotoj nur escepte kaptos, kio trafis min...)

Nu, pitoresko estas io jam fotita. Klasifikita, formulita, 'stagna' belo. Mi preferas ion 'strangan', kiel la sloganon ANARKI OKUP sur muro en ombra strato de Ausias March...

Ni komencu en la libroservo.

Kiel trafis en la manojn poemaro de Miguel Hernández? Mi malŝatis la titolon, kvazaŭ 50 jarojn eksan (mi ja kreskis tra maldekstraj libroj pri l' hispana milito!), provis iam legi la sonetojn en la hispana kaj rezignis (ion *Dylan Thomas*eske troŝtopitan pri bovoj kaj sango...)

Eble la kovrila bildo instigis. Arbeto perdas verdajn foliojn antaŭ flava fasado. Oranĝarbusta kolorkombino, ĉu? Pli flava ol oranĝa – do citrona.

"Citron' amara trafis min el via
[mampinto]..."

Flava, – *amarija* –, mi relernis serĉante poŝtkeston: rondiris verdan keston kun la ĝusta emblemo, sed truon ne trovis, nur "por uzo de poŝtistoj"! Virino eliris el butiko kaj gestadis en direkto de publika, 'flava'... Ĉu konkludi do ke la verdaj folioj falas adresite al mi?

Aŭ ĉu la libro aspektis 'vera', ne kutime diletanta?! Sen ekzemple la blindige glaceaj paĝoj de *El la Sonoraj Soloj*?! Ĉu ĉar mi ĵus legis sam-

serian de Diego kaj memoris *Eternan Ombron*? ("Iam mi kredis: la lum' estas mia").

Ĉu ĉar mi trovis en fatrasskatolo literaturhistorion el la kvindekaj jaroj (de J M Cohen, tradukinto de Kiĥoto, Sankta Tereza kaj Rabelezo), kies sola cito el ĉi-jarcenta poezio estas la lasta kvarverso de la sama poemo?

("Fenestr' aperta, tiel mi aŭskultas
dum foriradas la vivo tenebra
sed sunradio restas dum mi luktas
kaj tio faras l'ombron eltenebla")

Ĉu cimple ĉar dekokan de julio?

Nu, kiel ajn okazis, mi malfermis la libron – kaj estis tuj sorĉita. Citindajn versojn – citi, citi, citi! Mi memoras baraktadon super *Tragedio de l' Homo* aŭ *Cigana Romancaro*: volante nepre trovi citojn tute kontentigajn, mi notis tre malmultajn...

L' urbeto ŝajne sen librejo transformiĝis. Ĉe Placo de le Paco, elektita por vespera kunsido pro la nomo kaj la plej bongusta biero (kaj tute ne fotebla, malgraŭ palmoj, eĉ starante dorse kontraŭ la rekonstruata teatro) – kaj ĉar Triunua Strato gvidas al restoracio kaj hotelo "Esperanza" (kun drinkejo "Bona" – kredu min, mi havas la buŝtukon!) – mi rimarkas indikilon al "Babelo" 200m for...

Jam rekomendis ĝin turisminstanco ĉe malpli fermita placo kun (tre saĝe!) statuo de virino kun surkape falko (kontraŭ kolomboj!) kaj Gaudi-aspekta remparo ĉirkaŭ *Ficus* centjara ('Festo de l' arbo, 31 marto 1984') kun emblemoj de Vinaroz (vinberarbusto kaj flugilo), Viver (du fiŝoj), Nules, San Mateo, io de l' Cid...

Babelo (ne videbla dum siestoj kaj matenoj pro metala ŝirmilo) staras kie ni ne trovis bushaltejon, apud plej kaduka vico de dometoj, kontraŭ blutegola tegmento de iama preĝejo kun fasado en flankstrato tute kovrita de murskriboj.

Kaj havas ĉi-monatan malmultekostan elekton el Hernández, simile ampleksan sed malsaman, kun cepo (bulbo kune kun radikoj) sur ruĝa fono sur la kovrilo... (Ĉu vere nur 395 pesetojn, kiel samseriaj? Jes, eblas uzi ilin kun ekrano por kontroli – mi faris tion plurfoje por amuzo.) Sur nigra dorso

"El krema migdaluj' al rozoj
flugilanimaj mi sopiras
vin, kara, por paroli pri..."

Kaj eĉ la biblioteko, tra impone fermita pordarko (ĉu eksa? ĉu feria?), montriĝas tute enirebla post la naŭa tridek, kaj havas (nepruntitan) ekzempleron de l' E-libro (dank' al loka subvencio?).

(Konfeso sekvos. Transsaltu parentezon se vi volas. La ĉi-julia elekto ne satigis, ne troveblis pli ampleksa. Sed kiam mi refoje preterpasis Babelon, mi rimarkis super libramaso, kiu kuŝis ekstere – elekton pli ol tricentpaĝan, kun ĉiuj sonetoj en stilo de Quevedo, ĉiuj (?) okversoj kiel strofoj el Góngora...

Mi demandis pri la prezo. "Tio estas libroj por Nikaragvo, vi ne povas aĉeti." Mi reiris al l' amaso, foliumis dum minuto, decidis ke mi multon donis jam por tiaj celoj – kaj forpromenis kun la libro, "speciale por ŝparkaso en Castellón" (kaj speciale por mi, kun urĝa bezono!), sciante ke ni forveturos post horo... alie mi revenus kun la propra anstataŭanto...)

Post *paella* kaj *sangria* en Castellón mi ĵus manĝis *gazpaĉon* ĉe Mirinda en Barcelona, en flankstrateto paralela al Ramblas.

## ŜAKPROBLEMO 'ŜPB-87'

Blankuloj komencas, kaj matigas per 5 movoj



Tri solvintoj ricevos premion se iliaj solvoj alvenos **antaŭ** 30apr00

Vagante mi rimarkis ŝajne faman manĝejon *Kvar Katoj* (katalune "kelkaj homoj" laŭ gvidlibro poste) – kaj jen, krokize sur la blinda muro kiu formas unu flankon de placeto: 'kvin' katoj! (Tro malfrue por foti ĝis kvara etaĝo!)

Magraj katalunaj katoj... Glutante la bieron, mi pripensas librajn spertojn. La surkovrila cepo aludas kiel eble plej tristan lulkanton. Pri prujno anstataŭ lakto... Mi relegas la citronsoneton. Kremon kaj rubusan buŝon. Kaj koton kiu serĉas ŝafazilon inter dek piedfingroj ("Krom Mikaelo mi nomiĝas koto")...

Kontraste kun la polvo de tombejo en *Najbaro de la Morto.* Aŭ kun

*Jam eble kamparan' ornamas*
*karobon, fagon, pinon, kverkon*
*por el tabuloj fari ĉerkon...*

*La tombej' kaj la kuŝejo*
*nia staras en proksimo*
*ĉe nopaloj kaj agavoj*
*bluaj...*
*De ĉe ni ĝis la tombejo*
*bluas, oras, puras ĉio.*
*Post kvar paŝoj, jen la morto.*
*Post kvar paŝoj, jen la vivo...*

*Plorante volas zorgi mi pri l' horto,*
*en kies tero vi, kompan' plej kara*
*kuŝadas streke ekde l' frua morto.*
*Nutradu ĉi dolor' sen plor', amara,*
*bukcenan, pluvan kaj orgenan ĥoron...*

– eĉ se oni povas interpreti ke pri korp'organoj' kaj spiralaj 'konkoj' ĝenerale temas, do helikoj...

Mi aliĝas al la ĥoro. *Meva MARON*

---

**SOLVO DE 'PĈ-85'**

Ju pli precizaj la kalkuloj, des pli fortika la amikeco
Perdiĝas per pruntedono amiko kaj mono.

*Nora CARAGEA*

**Laŭron al la solvintoj**

*Denise HUBERT, Rokuro MAKABE*
*Ginette SIGNORET, Pascal VILAIN*

**SOLVO DE 'ŜPB-85'**

**1.** Te4, Re4 **2.** Kg2 Mato!
aŭ **1.** Tc6 Mato!
Hans Johner, 1904 *Reinhardt*

**Laŭron al la ununura solvinto**

*Helmut RÖSSLER*

## PAROLIGI LA LERNANTON




Detlev BLANKE kaj
Till DAHLENBURG
*Konversationsbuch Deutsch-Esperanto* (*Konversacia libro Germana-Esperanta*)
IEM, Vieno, 1998
2a eld., 175p, 11 eŭroj.

'Paroligi la lernanton' estas la plej alta celo kaj revo de ĉiu serioza lingvoinstruanto, ĉar libere paroli inkludas plejparte la aliajn lertecojn kaj kapablojn de la lingvoaplikado. Ankaŭ en Esperantujo ĉi tiu tasko ne estas facila kaj la diversaj metodoj abundas.

Tial facile supozeblas ke profesia lingvoinstruisto (d-ro DAHLENBURG) kaj lingvosciencisto (d-ro BLANKE) penadis pri lernolibro, kiu akcelas pli bonan konversacion. Sed kia estas la parolado de la homo ĝenerale kaj specife, kiel babilas ekzemple la gaja junulino dum internacia festivalo?

Ekkapti kaj skribe fiksi ĉi tiun faskon de diversaj parolmanieroj apenaŭ estas eble. Des pli laŭdinda estas la ambicia provo krei ampleksan libron; ties unua eldono aperis kiel unu el la lastaj publikaĵoj en la iama GDR. Nun estas havebla la dua, parte plibonigita eldono, kadre de Internacia Esperanto-Muzeo, Wien. La *Serio Instruo* disponigas plian allogan, vaste uzeblan libron. Ne nur la komencanto povas sisteme plivastigi sian vorttrezoron kaj perfektigi sian parolmanieron, sed ankaŭ la spertulo povas profiti de "ĝeneraltemaj situacioj", entute pli ol tridek, kaj de "ĝeneralaj parolturnoj".

Je la fino de la libro vi povas interalie konatiĝi kun modalaj verboj, nomoj de gustoj, matematikaj operacioj, kemiaj elementoj, bildecaj esprimoj kaj proverboj bestrilataj. La superrigardo pri gramatiko estas tro komplika por la komencanto kaj ne helpas al la spertulo.

Kaj la lingvaĵo mem? La aplikita lingvouzo spegulas la kleran, kulturitan, eĉ erudician homon. Ekzemple pri "teatra prezentaĵo" estas kvar valoraj paĝoj, pri "literaturo" kaj pri "kino/televido" po tri paĝoj. Kelkfoje oni povas supozi la prusgermanan eduksistemon kiam oni legas: "Ĉu la trajno ne malfruiĝis?", "ĉu la aviadilo surteriĝis laŭplane?", "ĉu la ŝipo albordiĝis laŭ la planita horo?" La germanan esprimon "*Seien Sie gegrüßt!*" hodiaŭ oni ne plu uzas; tamen ĝi estas rekte tradukita kiel "Estu salutata!". Sed tio estas escepto, cetere afero de la lingva gusto.

Mi deziras al tiu tre taŭga libro vastan disvastigadon, ĉar ĝi bone celas al la plibonigo de la lingvokono, memstare aŭ grupe. La libro ankaŭ taŭgas por ĉiu esperantisto, kiu volas fortigi sian germanan.

*Michael Joseph SCHERM*

## SOLVO DE 'KVE-85'

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| L | O | M | B | A | R | D | E | J | O |
| A | R | A | R | | D | E | P | A | G |
| M | A | N | U | M | | F | I | D | I |
| E | | P | S | I | T | A | K | | V |
| L | | R | O | M | | L | U | F | |
| F | R | E | N | U | L | | R | A | T |
| U | | M | E | L | I | L | O | T | O |
| N | D | | T | O | F | O | | R | A |
| G | O | B | I | | T | R | I | A | S |
| O | R | T | O | P | E | D | I | S | T |

Monogramoj: H8 nao Deguĉi, R. Artigues
V3 Bozidar Trudiĉ V6 Rafael Duyós

# LINGVAJ RESPOND(EC)OJ

Sergio POKROVSKIJ, *Lingvaj Respondoj*
Sezonoj, Rusio, 1999, 80p, 6 eŭroj

Mia unua reago al *Lingvaj Respondoj* de Sergio POKROVSKIJ: tre ambicia titolo, jam ie legita, ĉu ne? Nu, iu nederlandano MAKKINK iam verkis libron *La Fundamento sub lupeo*, same ambician, pafante trans la celon pro proponoj kiel novaj personpronomoj, novaj literoj kaj novaj gramatikaj reguloj. Tiu ruso Pokrovskij paŝas sur la sama tereno, sed... li trafas la celon.

Sur la sama tereno? La enhavotabelo de liaj *Lingvaj Respondoj*, aperintaj kiel tria verko el la Jekaterinburga serio "Scio" sub la redakto de Aleksander KORĴENKOV en 1999, legiĝas kiel ekspedicio tra la *Fundamento*: la artikolo, la verbformoj kun '-iĝ', la transskribo, la landnomoj, la alfabeto, la seksoproblemo kun '-iĉ', 'li', 'hi' kaj 'ri', la aspektoj, kaj la problemaj vortoparoj 'ties/ĝia' kaj 'de/da'. Jen ekspedicio ankaŭ tempa kun demandoj jam cent dek jarojn aĝaj, ankoraŭ aktualaj. Ĉu respondi kapablas Sergio Pokrovskij, tiu 50-jara matematikisto kaj komputikisto el Okcidenta Siberio, konata pro siaj *Komputika Leksikono* kaj *La majstro kaj Margarita*, siaj Interretaj kaj redaktadaj agadoj?

Mi opinias, ke jes. Ja pro unu grava kialo: ĉar lia modestaspekta libreto malpli-ol-80-paĝa neniel kaŭzas skolon. Per sobra kaj pozitivsence scienca maniero li traktas la aferon. Li akceptas la *Fundamento*n, la tradicion kaj la fakte ekzistantan lingvouzon por konkludi akcepteblajn solvojn. Tute male al la Ŝulca/Analiza Skolo ('tiuĉimatene', 'maĵorio', 'partumi', 'peski'), la Makkinka Skolo ('ihi', 'iŝi', 'na', 'tu', 'pred'), kaj ceteraj aldonemuloj ('liŝi', 'ste', 'nelge', 'necesabo', 'kompilapo', 'ak', 'aŭtem', 'bovino/bovuno/bovuko'). Krome, jen tre grava, laŭdinda punkto miaopinie: Pokrovskij akceptas la anglan lingvon, kiu por li ne estas la "fimalamiko fuŝanta la Finan Venkon", sed kultura lingvo servanta kiel modelo. La sobrecon oni spertas interalie sur p59, kie li skribas:

> "Tiu abundo de prefiksoj por la sama signifo pruvas, ke la demando ne estas solvita? Vere, oni povas bedaŭri, ke ne ekzistas en Esperanto prefiksoido speciale fin-aspekta."

Pokrovskij estas longe for de tie mem proponi prefiksoidon aŭ prefikson. Du fojojn li citas el

la sveda esperantologo kaj gramatikisto WENNERGREN, kvankam inter la referencoj mankas ties Interreta *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko*, same sobra, serioza skribitaĵo.

Se estas respondoj, ja estis demandoj. Fakte, tiu verko estas plenumo de plurpersona propono kolekti la Pokrovskijajn *Lingvajn Respondojn* aperintajn en *Ruslanda Esperantisto*, kaj eldoni ilin libroforme. Demandis geesperantistoj el Jekaterinburg, Novouraljsk, Kirovo-Ĉepeck, Udmurtio, Kirov, Peterburgo kaj Brest (Belorusio), inter 1993 kaj 1997. Iliajn konkretajn demandojn sekvas precizaj respondoj – lingvaj respondoj – spicitaj per abunda ekzemplomaterialo ĉefe el la rusa kaj la angla, el la *Biblio*, el *PAG*, kaj el Zamenhof.

Atingite la librofinon kun "referencoj" kaj "notoj", mi tuj sentis la mankon de indekso. Oni al mi permesi bonvolu ĉi tie jam komenci ion tian, ne precipe por proponi al Sergio Pokrovskij, sed ankaŭ por ĉi-recenze montri la abundan temovastecon (aŭ vastan temoabundecon) al la legantaro. Iom nekutima speco de recenzo do, sed mi forte opinias, ke *Lingvaj Respondoj* valoras tiun penon.


agospecoj 57-60
**Albault** 20 23 25 26 28 35
alfabeto 30-37
*aro da/el/de* 73-74
artikolo 5-10
aspektoj 12 53-61
aspekto apriora 54-55
aspekto netelia 53 56
aspekto telia 53 57
*Barato* 26
**Beaufront** 23 61
Biblio 6 12 23 24 55 56 59 64 69-74
Bulonja Deklaracio 41
*cx/gx/hx/jx/sx/ux 36*
*de/da 62-74*
*de/disde/ekde/fare de 64 66*
determino difina 6-7
determino nedifina 7-9
diakritaĵoj 30-37
diskriminacio seksa 46
*duono de/da* 69
*Egipto* 24
**Eichholz** 16-17
*-ejo/-ujo* 23
*ek-* 12 55-57 61
*eks-* 46
*el-* 54 59
*el/da* 66
*emirujo* 23
*episkopejo/episkopujo* 23
*-er* 58
*Esperantujo/Esperantio* 22
fetiĉismo 29
*fin-* 54 59
**Fundamento** 9 21 24 26 27 28 43 69 70 74
*ge-* 43 45
*gelernejo* 43
genitivo 63-64 65
*genitoro* 46
*gepatra* 43
**Golden** 45
**Grabowski** 61
*grafejo/grafujo* 22-23
**Grosjean-Maupin** 22
*ĝi* 40 51
*ĝia/ties* 18-19 51
ĝiismo 47 51-52
**Haupenthal** 29
hiismo 47 52
*-iĉ* 39 48
iĉismo 48-49 52
**Ido** 22 46 47 48
IFA 14
*-iĝ* 11-12 54 58
*-in* 40 48 50
*-int* 58
**Interlingua** 77
*-istano* 25-26
*-it* 58
**Kabe** 12 24 60
**Kalocsay** 5 8 21 46 53
kompostado 33
*Koreo/Koreio* 26-28
*kvanto de/da* 62
*l/lj* 38
landnomoj 20-29
Latina-3 32 78
*li* 41 50
*li/ĝi* 40 51-52
*li/ŝi* 42 48 50
**Lifitgejm** 30-31
literoj ĉapelitaj 30-37
medialo 11-12
*Meksiko/Meksikio* 24-26
*miliono da* 70
*Niĝerio/Niĝerlando* 22
nomo asimilita 14
*nombro de/da* 62 63 65
nombroj 67-71
onoj 68-70
**PAG** 11 18 21 24 39 54 55 57 59 63 69 74
pasivo 11
*patrujo/patrio* 22-23
Pinjino 16-17
prefiksoido fin-aspekta 59
provincialismo 28-29
*radiko de/el* 71
refleksivo 11
*ri* 48-49 51
*riĉa de/je* 65
riismo 47-49 52
*sat-* 59
seksblindeco 46 49
seksindikoj 39-52
seksismo 39 47
seninigemo 44
*sia* 19 51
*sibo* 46
signifo limhava 54-55
signifo senlima 54-55
skriboj surogataj 34-36
*spozo* 46
*Suomio* 26
supersignoj 30-37
telia/netelia 53
*ties/ĝia* 18-19
*tra-* 59
tradicio 24 73
transliterado 15
transskribo 13-17 38
transskribo Hepburna 15-16 76
*tut-* 59
*-ujo/-io* 21-22; *-ujo/-ejo* 23
ujoj kaj *de/da* 71-73
*ukrain-/ukrajn-* 23-24
Unikodo 32 33 78
*vir-* 43 48-49
**Volapuko** 27 37
**Waringhien** 61
**Wennergren** 9 43
x-skribo 36-37
**Zamenhof** 7 21-26 29 30 32 35 38 41 42 50 61 62 66 68-74


*Claus J. GÜNKEL*



*Bertolt Brecht*, desegnaĵo de
Mégumi Sachs-Komamura




Los esperantistas idealistas enseñamos desinteresadamente el Esperanto: la Lengua de la Amistad Internacional. Y en justa correspondencia, a los beneficiarios de nuestros esfuerzos les pedimos que la estudien y la propaguen con el mismo desinterés.

Esa es para nosotros la más humanista, la mejor recompensa.